# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — UNUA JARO — 5–6





REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII. RÖKK SZILÁRD-STR. 28., HUNGARIO

# PREZARO

*Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj*

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Julio Baghy: **VIKTIMOJ* . . . . . . | Elĉerpiĝis | |
| K. Kalocsay: **LINGVO, STILO, FORMO* . | | —.60 |
| K. Kalocsay: **STREĈITA KORDO* . . . | | 1.20 |
| K. Kalocsay: **ETERNA BUKEDO* . . . | | 2.40 |
| K. Kalocsay: *TRAGEDIO DE L' HOMO* . . | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: *INFERO* . . . . . . . | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: *ARTHISTORIO I.* . . . . | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: **PARNASA GVIDLIBRO* . . | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Ŝirjaev: **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* vol. I—II. ilustrita . . . . | Elĉerpiĝis | |
| Nur la II-a vol. ilustrita . . . | | 5.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. . . | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): *DE PAĜO AL PAĜO* . . . | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: *DEKDU POETOJ* . . . . . | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* . . . . . . . | | 1.40 |
| Jelušić—Rotkvič: *CEZARO* . . . . . . . . | | 2.70 |
| Kamaryt—Ginz: **ĈEĤOSLOVAKA ANTOLOGIO* | | 4.— |
| A. Munthe—Weleminsky: *ROMANO DE SAN MICHELE* | | 2.70 |
| E. Wiesenfeld: *VERKARO DE FEZ* . . . . | | 2.— |
| Van Loon—Saville: *RIGARDU LA TERON* . . . | | 4.— |

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Kalocsay—Baghy: *ARGENTA DUOPO*, jubilea libro, I-a volumo . . . . . . | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) . | | —.50 |
| A. Baur: *SVISA ANTOLOGIO* . . . | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: *RIMPORTRETOJ* . . . . | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: *SORĈISTINO EL KASTILIO* . | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Brzekowski: *PRI L' MODERNA ARTO* . . | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: *LA JUDA ŜTATO* . . . . | | —.90 |
| Adamson: *AULI* . . . . . . . . | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: *EL LA VERDA BIBLIO* . . | —.70 | —.40 |
| H. Seppik: *LA TUTA ESPERANTO* . . | Elĉerpiĝis | |
| EMBA: *MARTA KAJ LA GRUPO* . . | | 1.10 |
| Rilke—Münz: *LETEROJ AL JUNA POETO* . | —.50 | |
| Jerome—Badash: *TRI HOMOJ EN BOATO* . . | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: *AMO DE TOOJUURO* . . . | | —.40 |
| L. N. Newell: *BAKŜIŜ* . . . . . . . | 1.70 | 1.20 |
| Goethe—Kalocsay: *ROMAJ ELEGIOJ* . . . . | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: *MIA SPEKTRO* . . . . . | | —.50 |
| Bleier—Ĉense: *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* . . . . | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per *, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Mondo kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via librista.

# La egipta skribisto

— Lajos Nagy —

Pramalnova memoro vivas en mi kaj antaŭnelonge, en ia stranga profunda revado ĝi tiel fortiĝis, ke ĝi rompis vojon en mian konscion. Iam mi estis brontosaŭro kaj mi falis ofere al tigrospeca, dentega sovaĝbesto. Kelk-mil jarojn antaŭ tio kun denta beko kaj ostskeleta vosto mi birdadis (se tiel mi min esprimu); en tempesto rompiĝis miaj flugiloj kaj mi pereis post longa malsanado. En la mezepoko, kiel monaĥo, bonege mi vivis en feliĉa izolo. Nur pro tio mi hontas, ke mi kuracis miajn malsanulojn strangmaniere. Ekzemple kontraŭ ĉiaspeca stomakdoloro mi manĝigis al ili muelitan arbokruston miksitan kun argila tero kaj eĉ kun multe pli malbela materio. Nun, kiam mi tion eksciis pri mi mem, vere mi kompatas la malfeliĉulojn, sed mi ja kuracis ilin bonkrede, laŭ la tiama scienco.

Antaŭ kelk-cent jaroj mi estis zebro en Afriko kaj leono min disŝiris. Ĉiutaga historio, oni eĉ ne povus diri, ke ĝi estis granda malfeliĉo, ĉar ĉiujn plezurojn, kiujn la zebrovivo povas doni, mi jam estis travivinta kaj mem la aventuro kun la leono daŭris tiel mallonge, ke per nunaj homaj okuloj mi ne taksas tion pli longa, ol du minutoj. Kredu al mi, ke dentooperacio estas pli granda travivaĵo.

Sed mi volas pli detale rakonti iom el mia egipta vivo. Ĉar mi vivis ankaŭ en Egiptio, eĉ dum longa tempo, kaj mi mortis kiel maljunulo, sen malsano, facile, mi nur estingiĝis, kiel la flamo de la meĉo, kiun surblovas la vento. Tamen ankaŭ dum mia egipta vivo plurfoje mi estis en morta danĝero. Fine, mi rakontos ankaŭ tiun historion, kiam la plej terura morto minacis min inter tiuj mortspecoj, kiuj povis min atingi en ajna mia vivo, kaj tio estis: la malrapida bruligo sur fajro, pliigita per diversspecaj turmentadoj.

En Egiptio mi apartenis al pastra ordeno. Mi estis malaltranga pastro, pli ĝuste nur skribisto. Nemalproksime de Theba ni vivis proksimume kvindekope en malgranda klostrospeca konstruaĵo. Ni havis unu plej ĉefan pastron: tri ĉefpastrojn, plurajn altrangajn pastrojn, ni havis simplajn pastrojn kaj kvin- aŭ sesope ni estis tiaj ethomoj, kia mi. Efektive, nia kolonio estis scienca instituto, la pastro-scienculoj observadis ĉi tie la stelojn, esploradis la leĝojn de la vetero, precipe de la pluvado, kaj kuracis malsanojn, aŭ almenaŭ provis kuraci ilin. Ekzemple unu pastro de mateno ĝis vespero nombradis la ibisojn, kiuj preterflugis super la klostro kaj serĉis interrilaton inter la tiel ricevita nombro kaj la sekvan tagon okazonta aŭ mankonta pluvo. Kiam mi venis en la klostron, tiu ĉi pastro jam de tridek jaroj nombradis la ibisojn. Kaj ĉar el la nombro de la ibisoj neniel oni povis diveni la pluvon aŭ la sekan veteron, iu alia pastro — post tridekjara hezitado — deklaris, ke tia interrilato, nome tiu inter la nombro de la ibisoj kaj la pluvo, ne ekzistas. La ceteraj pastroj tre malfavore akceptis ĉi tiun deklaron, la saĝumantan pastron oni nomis detruema — eĉ la vorton mi memoras precize — kaj la ĉefa pastro severe lin admonis. Kaj la pastro-scienculoj konsentis en tio, ke la eraro estas nur en la ĉiutaga vespera bilanco, kiun oni pretigis pri la nombro de la ibisoj, ĉar certe ankaŭ post la vespera mallumiĝo flugas ibisoj super la klostro, sed tiujn oni jam ne povas registri kun la aliaj.

Kuraĝe mi povas aserti, ke — se rigardi per nunaj okuloj — mi estis homo sagaca, milda kaj kapabla je pensado. Guste tial mi povis atingi nenion kaj mi apartenis al tiuj kvin aŭ ses, kiuj faris la plej malaltrangan, maŝinecan laboron. Sed krom mia inteligento min trafis ankaŭ alia malfeliĉo. Foje, dum miaj vojaĝadoj — tio estis ankoraŭ antaŭ mia vivo en la klostro — mi trafis al nekonataj ruinoj kaj tie hazarde mi malkovris tutan bibliotekon. Tiu ĉi biblioteko postrestis el pereinta mondo. El tia mondo, kiu preskaŭ atingis la nivelon de la hodiaŭa.

Ekzemple en tiu malaperinta mondo oni konis la libropresadon. Ankaŭ tiuj libroj, kiujn mi trovis inter la ruinoj, pretiĝis per presado. Kaj kio estis en la libroj? Matematiko, fiziko, kemio, anatomio, biologio, ekonomio, historio. Mi trovis eĉ beletrajn verkojn kaj kelkajn binditajn volumojn de ĵurnaloj.

En tiu pereinta mondo oni sciis, ke ekzistas baciloj kaj aliaj okul-nevideblaj estaĵoj kaj ke ili kaŭzas la infektajn malsanojn. Ili fabrikis okulvitrojn, havis observatoriojn muntitajn per astronomiaj teleskopoj, ili per aŭdotubo aŭskul-

tis la koron, ili sciis flugi kaj operaciis per tranĉilo ardigita per elektro.

Mi ne rakontos plu pri tiu ĉi mondo. La librojn mi tralegis en dek jaroj. Kiamaniere mi legis ilin, t. e. kiel mi solvis la lingvon, kiel mi lernis la legon kaj kiel kaŝe, sekrete mi faris la tutan laboron, pri tio nun mi ne parolos. Konojn mi akiris, kiuj estis malkongruaj kun mia epoko kaj kiuj ne estis en ĝi lokeblaj. La librojn mi bruligis kaj miajn konojn mi gardis kiel profundan sekreton. Sed tio ankoraŭ ne sufiĉis. Ĉiutage mi faris memsugestajn ekzercadojn kun la jena teksto: Mi scias nenion; neniam, pri nenio, al neniu mi diros ion.

Estas nur kompreneble, ke mi agis tiel, ĉar el la historiaj libroj de la pereinta mondo mi lernis ankaŭ tion, kiel evoluis la kulturo ankaŭ ĉe ili. Mi lernis, ke tiu, kiu unue malkovris, ke en la viva organismo la sango ne estas staranta, sed cirkulanta likvaĵo, devis rifuĝi el sia patrujo de antaŭ la mortkondamno. Ke tiu... eh, mi ne detaligas.

Mi kunportis mian scion kiel teruran ŝarĝon; senĉese mi timegis, ke mi perfidos min mem, sed poste tiom mi ekzercis la silentadon, ke fine mi jam sentis min tute sekura.

Ne estis al mi facile pri mi gardi. Tute ne. Okazis ekzemple, ke en mia ĉeesto iu demandis de unu el niaj kleraj ĉefpastroj: kial okazas, ke la ŝtono metita sur la akvon, dronas, dum la arbo restas sur la surfaco de la akvo. Senhezite respondis la saĝa ĉefpastro kaj instruis al la sensciulo, ke la arbo estas plantaĵo favorata de Hapi, dio de la akvo, kiu do volonte portas ĝin sur sia sino, sed la ŝtono estas indiferenta al li, pri ĝi li ne zorgas, do lasas, ke ĝi dronu. Kompreneble mi sciis pri la specifa pezo, pri la rilato inter la specifa pezo de la arbo, akvo kaj la ŝtono, sed mi silentis.

Nur parenteze mi rimarkigas, ke pro mia senĉesa, obstina silentado, pro miaj ŝajne devotaj miradoj kaj pri-alio-paroladoj oni rigardis min kiel honestulon, sed samtempe kiel idioton, kaj ofte oni ridetis pri mi. Se mi venis en societon — hazarde, ĉar mi evitis la homojn — se en ĝi oni parolis pri ajna temo, ĉu pri tio, ke la celo de la poezio estas la glorigo de la Sundio, aŭ ke la arto estas nura problemo de formoj, aŭ ke la plej celtrafa metodo por levi la ĝeneralan vivnivelon estas la konstruo de piramidoj, ĉar tio donas laboron al la homoj: mi silentis, sed kun netrompebla certeco mi sentis: kion ajn mi dirus, oni eĉ ne aŭskultus min, mi estas nulo.

Foje kiel oficialulo mi devis ĉeesti la torturadon kaj ekzekuton de herezulo. La herezulo apartenis al tiuj malfeliĉuloj, kiuj pensadas pri la fenomenoj kaj foje-foje malkovras ion. Tiu ĉi homo kredis, ke ion utilan li konstatis pri la okulmalsano nomata trahomo; ne multon, li esprimis nur sian konjekton, ke verŝajne ekzistas ia interrilato inter la trahomo kaj la malpuro, kaj se estas tiel, la puro estus sindefendo kontraŭ la trahomo.

Tiajn pensojn, pli ĝuste konjektojn do havis la herezulo kaj siajn konjektojn li ĉie disbabilis. Inter tiuj, kun kiuj li parolis, troviĝis kelkaj, kiuj komprenis la aferon, tamen ili faris forigan geston, kvazaŭ ili dirus: eh, lasu! Aliaj nenion komprenis el tio, kion la herezulo klarigis al ili, ili disputis kun li, furioziĝis kaj lin forlasis inter insultoj kaj minacadoj. Pri ĉio ĉi mi sciiĝis ĉe la proceso de la herezulo, kie, kiel skribisto, mi devis fari notojn pri la pritraktadoj. Pastrojuĝistoj prijuĝis la herezulon:

— Kiel vi komprenis tiun puron? — demandis la ĉefpastro. — Pri kia puro vi pensis?

Mi volonte estus suflorinta al la akuzito: «Ĉiutage preĝo al la sanktaj krokodiloj, — tion mi komprenis parolante pri puro, pli ĝuste pri la puro de la animo.» Kompreneble ne estis eble suflori. Sed mi diras malkaŝe, ke mi eĉ ne riskis. Ĉar nenian garantion mi povis havi pri tio, ke la herezulo ne plu parolos laŭ sia propra saĝo, kaj se mi multe mallertadas per tiu suflorado, li perfidos min kaj denuncos, ke mi lin ĝenas kaj volas influi kaj intencas persvadi por miskredaj respondoj. Ja mi konas ankaŭ la herezulojn! Do mi nur sentis deziron, ke mi sufloru, sed mi ne sufloris, ne povis suflori kaj eĉ ne riskis suflorinta. La herezulo jene respondis la demandon de la ĉefpastro:

— Mi komprenis pri puro: ĉiutage sin lavi, ne tuŝi la okulojn, precipe ne per malpuraj manoj kaj uzi apartan viŝtukon.

La tutan juĝistaron inundis la indigno. Ili ruĝiĝis, iliaj okuloj vastiĝis, la buŝoj apertiĝis, kelkaj eĉ klakigis la dentojn, preskaŭ ili saltis al la akuzito por demordi lian kapon. La prezidanta ĉefpastro restis la plej trankvila, en sia ekscitiĝo li nur deŝiris sian algluitan kaprobarbon, pro tio li devis eliri el la ĉambrego kaj reglui la barbon. Kiam li ree aperis kaj okupis sian

lokon, tre trankvile li donis la pluan demandon:

— Kiel vi opiniis tiun sinlavadon? Ke eble akvo fortimigus Ra-n, la sundion, kiu per okulmalsano punas tiujn, kiuj kulpas per la okuloj, ĉar ili rigardas tien, kien rigardi ne estas permesate?

Denove mi estus volinta suflori, ke la akuzito mildigu sian sorton almenaŭ per eta, ruza turno: «Jes, tiel mi komprenis, ĉar Ra, la sundio, estas samtempe la dio de la fajro kaj ke la akvo estas malamiko de la fajro, t. e. kie estas akvo, tie la fajro ne havas potencon.» Almenaŭ tiom, kvankam tio jam estus dubvalora sindefendo.

Sed la herezulo parolis laŭ sia propra saĝo. Li parolis pri la sekreciaĵo, kiu per la mano, per la malpuraĵo, per la komuna viŝtuko el la malsanaj okuloj venas al la sanaj. Tiun tagon certe obsedis la ĉefpastron ia stranga milda humoro, ĉar decide li volis helpi al la malfeliĉa erarinto. Li diris:

— Ĉu vi ne rimarkas, se la malsaniĝo okazus tiel, kiel vi erare pensis, tiam la malsano ne estus la justa puno de la sanktega Ra, sed ĝi estus sekvo de io alia, de ia materio kaj hazardo.

— Jes, mi pensas tiel, ke la malsano ne estas puno de Ra — respondis obstine la akuzito, kiu, ŝajne, en la profundo de sia animo jam delonge sin dediĉis al la flam-morto.

— Sufiĉe! — eruptis la indigno el la pastrojuĝistoj, kaj laŭtvoĉe, sed en formo de konfuza muĝo ankaŭ el ĉiu ĉeestinto. Ankaŭ mi mem devis murmuri ian sensencaĵon, ĉar la silento jam ŝajnus demonstracio.

Oni juĝis la herezulon je torturado kaj bruligo. Ankaŭ la ekzekuton de la juĝo mi devis ĉeesti, pli ĝuste aŭskulti, ĉar mi eĉ ne levis la kapon de sur la papirus-folio. Sed mi devis aŭskulti la veadon de la viktimo, poste post horoj liajn formortantajn ĝemojn. Mi devis aŭskulti la silenton, kiu inter la serioj de la veadoj estis pli streĉa kaj terura ol ili mem.

De tiam mi triobligis miajn ĉiutagajn memsugestajn ekzercadojn kaj mi silentis ankoraŭ pli profunde. Se mi renkontis ian konaton kaj tiu demandis min, kiel mi fartas, eĉ al tiu demando mi donis nerektan respondon. Mi opiniis, ke tiu ĉi mia deklaro ne bezonas pli vastan klarigon. Ja se iu al tia demando, al tia «kiel vi fartas?» respondas «bone», tio povas ĝermigi justan envion koncerne lian staton, aŭ oni povus rigardi lian respondon moko; kaj se li respondas «malbone» — tiam la demandanto povas pensi: jes, li fartas malbone, do li ne estas kontenta pri la stato de niaj publikaj aferoj.

Nun fine mi rakontos ankaŭ la vivdanĝeron, en kiun mi venis. Iun vesperon, ĝuste kiam mi ekiris al mia kuŝejo, irante tra malgranda gazona placo, mi min trovis kontraŭe al unu el niaj pastro-scienculoj. Mi salutis lin konvene kaj humile — levante miajn du brakojn en la alton kaj kliniĝante profunde — kaj mi volis pluiri. Sed li, kiam mi jam estis ekirinta, postkriis min:

— Atendu nur, mia filo!

— Ordonu, sinjora moŝto.

— Aŭskultu. Grandegan aferon mi malkovris. Ne nur aferon, sed aferojn, eĉ pli, la mondon. Ĝuste nun mi divenis la strukturon, la ŝlosilon de la mondo kaj tio plenigis min per tia ekscito, ke mi devas paroli kun iu, kun homo, kun homa estaĵo.

Ĉu vi sentas, kion mi tuj eksentis? La dekresĉendon? Kun iu, — sed iu tamen mi ne estas. Do: kun homo, — nu, eĉ malpli: kun homa estaĵo! Tiom oni taksis min en Egiptio. La pastro-scienculo daŭrigis jene:

— Do ĝuste vi venis en mian vojon. Nu, egale, eble estas pli bone tiel. Ĉar mia malkovro ankoraŭ ne maturiĝis tiom, ke mi sciigu ĝin al scienculoj-kolegoj. Mi diros al vi, kion mi malkovris. Mi kredas, ke vi min komprenos, ja estas mia malnova suspekto, ke vi ne estas tiel stulta, kia vi vin montras.

Ankaŭ ĉe tiu punkto mi estus povinta perfidi min mem, sed mi nur ridetis. Eĉ, ni ne beligu la aferon per prisilento, mi ridetis idiote.

— Do aŭskultu!

— Mi estas nura orelo — kaj konfirme mi ektiris mian propran dekstran orelon.

Kompreneble mi suspektis ion malbonan. Sankta Dio, — pli ĝuste, sankta Ra, Isis kaj Osiris, kio okazos, se tiu homo malkovris ian veron, ekzemple la gravitan leĝon.

— La tutan vesperon mi observis la lunon. Eĉ mi ne observis ĝin, sed nur rigardis. Mi rigardis ĝin forte, mi rigardis ĝin milde, mi rigardis for de ĝi, kaj poste rerigardis al ĝi. Subite ia delonge dormetanta penso viviĝis en mia cerbo.

Tiam mi faris la unuan mankon de singardemo. Tiam mi estus devinta demandi: kie? Li estus ripetinta: en mia cerbo. Je tio mi estus devinta teruriĝi, lin ekkompati kaj atentigi pri

Ŝet-Ra-Mest, nia plej fama kuracisto. Mi ne faris ĉion ĉi kaj li havis okazon daŭrigi:

— La luno estas rondforma. Ĉu vi komprenas? Kiel mi ĝin rigardas, mi vidas, ke ĝi estas rondforma.

— Mi komprenas — elglitis el mia buŝo la danĝeraj vortoj.

— Nu, vi vidas, tamen vi estas menshava homo.

— Pardonu, pardonu — mi rekonsciiĝis, — mi ne komprenas.

Sed li jam ne povis sin bridi, li devis paroli, do li jam ne kredis al mi kaj daŭrigis:

— La luno estas rondforma. Kaj sian lumon ĝi ricevas de la suno.

Jes, jes mi ekjubilis interne kaj sekrete, kaj tia scivolo ekflagris en mi pri la pensmaniero de pastro-scienculo, kaj pri tio kiajn observadojn li faris sen instrumentoj kaj kiamaniere li venis al siaj konstatoj, ke mi kredis jam, ke estas fino: prefere mi elektos la tortur-morton, sed mi ne plu eltenos, mi ne plu silentos. Mi teruriĝis de la propra entuziasmiĝo. Mi volis protesti kontraŭ la stultajoj, sed premiĝis mia gorĝo, kaj mi ne povis eligi voĉon. Tamen klare mi vidis, ke granda malfeliĉo devenos el tio. Li ne zorgis pri mi, por li mi estis nura objekto, ia kondukilo de elektro, tra kiu lia ekscitiĝo defluas, kaj li plu parolis:

— La luno estas rondforma. Sian lumon ĝi ricevas de la suno. Ĉiam sur tiu flanko ĝi estas luma, kie staras la suno. La suno staras! La suno estas senfine granda. Multe pli granda ol la tero. Ĝi estas maso ardanta kaj rondforma. Ankaŭ la tero estas rondforma. Kaj ĝi ne staras! Ĝi sin turnas ĉirkaŭ si mem. La luno estas pli malgranda ol la tero. Tion vi ne komprenas, ĉu ne? Ĉar ne tiel ĝi estas pli malgranda, kiel vi komprenas. Sed aŭskultu!

Mi volis forkuri en mia teruriĝo. Sed li tenis mian brakon, li estis forta kiel furioza frenezulo kaj ne lasis min.

— Aŭskultu. Mia unua ideo devenis el tiu observo, kiun mi faris dum mara vojaĝo. Mi observis malproksiman velŝipon, kiu naĝis sur la aperta maro kaj al kiu ni ĉiam pliproksimiĝis. Unue vidiĝis nur la supera parto de ĝiaj veloj...

— Ne, ne, ne! — mi kriegis kaj forkuris elŝirante min el liaj brakoj.

Tiun nokton mi ne dormis. Kaj miaj malbonaj konjektoj baldaŭ realiĝis. La pastro-scienculo — laŭnome Nem-Mat-Ra — post du semajnoj staris antaŭ la sangjuĝistaro. Sed ne nur li sola, sed ankaŭ dudekunu kunakuzitoj, ĉiuj, kun kiuj li interrilatis en la lastaj tagoj, inter ili ankaŭ mi.

Ni ĉiuj estis akuzitaj pri herezo, insulto al la religio, disvastigo de eraraj instruoj, perfido al la patrujo, blasfemo kontraŭ dio, atenco al la kredito de Egiptio, incito kontraŭ la privata posedajo, ofendo al pudoro, kalumniado, estigo de publika skandalo kaj malatento al policaj reguloj.

Pri la proceso precize mi scias nenion, t. e. mi scias nur tion, kio okazis al mi dum la proceso. Laste oni ekzamenis min. Nelonge oni min demandis, eble duonhoron. Ne nur lerte mi kondutis, sed mi havis ankaŭ bonŝancon. Ĉar al la demando pri mia naskiĝloko pro ia tute stranga distriteco mi respondis, ke mi naskiĝis en Apostag. Jam pro tio ridis la juĝistoj kaj unu el ili diris akompanante siajn vortojn per miranta gesto:

— Tia urbo eĉ ne ekzistas.

Post la enskribo de miaj personaj datoj sekvis la proprasenca ekzamenado, ĝi okazis jene:

— Ĉu vi rekonas, ke Nem-Mat-Ra la 20-an de majo en 1562 antaŭ Kristo vespere je la dekunua kaj duono al vi komunikis certajn novajn malkovrojn?

— Mi rekonas.

— Rakontu do, pri kio li parolis.

— Pri la luno kaj la suno kaj, se mi bone memoras, ankaŭ pri la tero, — mi respondis ankoraŭ senchave, por ke ankaŭ poste oni kredu al mi.

— Kion li diris pri la luno?

— Li diris, ke li malkovris, ke kiam li rigardas la lunon, tiam li estas rondforma.

La ĉefpastro ne povis tion aŭdi sen rideto. Ankaŭ la ceteraj pastro-juĝistoj ridis.

— Eble ne tute tiel li diris, daŭrigis la ĉefpastro ankoraŭ ĉiam ridetante.

— Precize tiel li diris.

— Eble li diris tion, ke li malkovris, ke la luno estas rondforma.

— Tion li eĉ ne povis malkovri.

— Kial ne?

— Ĉar kio ne ekzistas, tion oni ne povas malkovri.

# SOIFO

— C. TÁRKONY —

Tra la unuaj jaroj gvidis min, ridantan, plorantan,
naive scivolan en mia infana primitivo,
avide gapan, palpan, frandan
la soifo de l' vivo.

En la jen kredanta, jen skeptika, vojserĉa sezono
de mia solece arda viv-primavero
min tordis per titane tumulta ciklono
la soifo al la nuda vero.

De floro al floro, de verso al verso
flirtis mia anim', ĉi leĝera libelo;
min logis per bunte radianta disperso
la soifo de la belo.

Dum sendormaj, someraj noktoj karambolis
en mia korpo la frosto kaj varmo,
en mia freneze pulsanta sango bolis
la soifo de la karno.

Kaj venis fekundaj jaroj,
kiam al abela diligento, al junece orgojla konscio,
al vasta, libera rigardo sen digoj, sen baroj
min instigis la soifo de l' scio.

La ombroj kaj noktoj lante disnebulis
kaj en mia viriĝanta brusto
kun rektę flagranta flamo ekbrulis
la soifo al la justo.

En vundvea vibro de kanto nostalgia,
en langvora, larma sopiro de violonoj
min enretis per cirklo magia
la soifo de la sonoj.

Dum mia vivo tuta,
kiel bebon la plezurdona mamo,
min nutris per espero false luda
la soifo al la pura amo.

Se oni per blanka tolo min envolvos
kaj min metos al la dormo senfina,
mian diseriĝontan korpon silente dissolvos
la soifo al la tero patrina.

Kaj se iam la olda tero ribelos
kaj dispolvos ĝia koro dur-kerna,
miajn atomojn al foraj, senmortaj astroj pelos
soifo eterna.

---

La pastroj atentis kun pliigita interesiĝo, iuj eĉ kapjesis.

— Nu, li tamen asertis, ke li faris tian malkovron. Kaj oni konstatis, ke al la demando, ĉu vi komprenas tion, vi respondis jese. Ĉu tio estas vera?

(Kie en la infero povis spionadi tiu milokula spiono? Ni ja staris sur la gazona terspaco kuŝanta antaŭ mia kabano kaj en la proksimo ne estis eĉ arbeto!)

— Jes, mi petas, Estas kompreneble, ke tio estas vera. Estas facile kompreni tion. Bruo tramuĝis la ĉambregon.

— Do diru al ni, kion vi komprenis, kaj kiel vi komprenis tion, kion vi komprenis.

— Nu, mi tiel komprenis, kiel li diris. Ke li estas rondforma, kiam li rigardas la lunon. Certe, li kaŭriĝas, mi pensis, kaj li ŝrumpas tute rondforma. —La juĝistoj rigardis unu la alian, preskaŭ senkonsile, poste komencis ridi. Sed ne ĉiuj. Iu malgrasa, pala juĝisto estis videble kolereta. Eble li jam konjektis, ke tiu ĉi predo versajne glitos el liaj ungoj. Alia juĝisto, kiu ridis tiom, ke eliĝis eĉ liaj larmoj kaj forlavis el sub liaj okuloj la striojn pentritajn per verda farbo, subite ĉesis ridi kaj gestis rezigne, kio signifis:

— Ni lasu lin, li ja estas tute idiota.

Sed la prezidanto-ĉefpastro ne cedis tiel facile:

— Kion diris Nem-Mat-Ra pri la suno?

— Pri la suno, pri la suno, pri la suuuno... Ke la suno lumas.

Tion ni scias, sed li ne tion diris. T. e. li diris alion, pli multon ol tio.

— Pri la suno, pri la suuuno...

Do kion li diris pri la lumo de la luno?

— Jes! mi memoras! — kaj mi frapis al mia frunto. — Mi jam scias. Mi scias ankaŭ la sunon. Li diris, ke la luno por la nokto pruntepetas la lumon, matene ĝi redonas ĝin.

# La pesilo de la konscienco

— Ivan Goran Kovačić —

Sinjoro Dominik Puj, sesdekjara pensiita juĝisto, post la morto de sia «neforgesebla vivkunulino» forlasis la provincon kaj translokiĝis en la ĉefurbon al siaj infanoj.

La sinjoro juĝisto ankoraŭ neniam malsanis, kaj ĉi tio estas grava cirkonstanco en tiu ĉi historieto.

Ĉiam multe li drinkis kaj abunde manĝis, kaj el sia fraŭleca petolemo postrestis al li, kiel pensio, lia friponeta rideto, kaj tiuj signifaj okulumoj destinitaj al virinoj, per kiuj li ŝtele al- kaj alpinĉis. La grandkorpan kaj duran maljunulon eĉ en tia «vir-aĝo» (kiel li nomis sian aĝon) ne turmentis la aersvelo, husto, oscedado, malbona digesto, hemoroidoj, sendormeco, ostodoloroj aŭ alta sangopremo, kutime troviĝantaj ĉe tiuj sinjoroj de lia aĝo, kiuj malmulte sin movas kaj abunde manĝas, kaj kiuj poste plendas pri malfortiĝinta memorkapablo. Liaj okuloj ne estis mukaj, li ne estis dent-manka, li ne trograsiĝis, kaj el nenio oni povis konkludi, ke li fariĝas infaneca.

— Ho, Dominik, Dominik — suspiris liaj raŭke kaj malsane forflorintaj kunuloj en la juĝejo, kaj malame ili enviis lian sanon.

— Al li nek pluvo malutilas, nek trablovo. Eĉ lia kapo ne doloriĝas, nek lia dento. Kvazaŭ virbovo li estus, ne homo!

Kaj la kampuloj, la «ŝpatuloj», la ĉiomalŝatantoj, la malhelvidantoj kaj ribeligantoj asertis, ke la moŝta sinjoro juĝisto havas bovhaŭton kaj azenorelojn, kaj ke li forsorĉis sin deantaŭ la morto, tial li restis tiel bonfarta, kaj ke la patrujon li vendis por peco de kuko, kaj la juĝojn tiel li subskribis, kiel la pastro la mortatestojn.

Liaj long-ungaj, vortlaksaj kolegoj kaj la ceteraj malbondezirantoj nur mansvingis:

Hehe, do nur tiel plu, antaŭen, antaŭen..., ni ja alvenos iel al la griza kapo, al la ora geedziĝo, dum nian amikon Dominik iam tamen ekfrapos la morto per sia ŝultro, kiel la drinkejestro la barelon per sia krano: kvrc! Halt kaj amen!

Ĉi tio atingis ankaŭ la orelojn de la moŝta sinjoro juĝisto.

Sed li por des pli inciti la amikojn kaj la famkronikistojn, eĉ pli abunde manĝis antaŭ ili

---

Je tio tia ridego eruptis, ke la ĉefpastro admonis la juĝistojn pri silento kaj minacis, ke li malplenigos la ĉambregon.

— Ĉu Nem-Mat-Ra parolis pri la afero de la tero?

— Nur de la tero, mi petas.

— Sed ĝuste vi diris, ke li parolis al vi pri la afero de la luno kaj de la suno.

— Ne, mi petas humilege, li parolis de la tero, ĉar ni tie staris, vi ja moŝtas scii, sur tiu gazona terspaco, kiu kuŝas antaŭ mia kabano.

— Vi ne komprenis la demandon — daurigis la ĉefpastro per tiu senfina pacienco, per kiu la homo embuskas je la vivo de alia homo. — Pri la tero, pri nia tero, sur kiu ni vivas.

— Mi komprenas. Li diris, la tero ricevas la lumon de la suno.

— Tion ni scias. Sed li diris ankaŭ ion alian. Kion li diris pri la formo de la tero?

— Ke ĝi havas tute belan formon.

— Do, ke ĝi estas rondforma, ĉu ne?

— Ne, sed telerforma.

— Ĉu li diris tion?

— Li ne diris, sed ja diris mi.

— Ĝuste. La tero estas efektive telerforma. Kaj ĉu ĝi moviĝas?

Do la ĉefpastro faris lastan provon por min saltigi en la reton. Nun venas en mian kapon — stranga asociacio! — la dentega tigro: ankaŭ de antaŭ ĝi mi min deturnadis, kiam mi estis brontosaŭro, mi volis resti kontraŭe al ĝi, mi saltadis per la piedoj kaj frapadis per la vosto dekŝten-maldekstren, ankaŭ ĝi volis min saltigi en la reton kaj ĝi ja saltigis min. Nun jene mi moviĝis, mi volas diri, jene mi respondis:

— Ĉu ĝi moviĝas? Pri tio mi ankoraŭ ne pensadis.

— Kaj kion vi pensas nun?

— Ĉu ĝi moviĝas? Ĉu ĝi moviĝas? Nu, se Amon, kiu tenas la teron sur la ventro, moviĝas, tiam moviĝas ankaŭ la tero.

kaj vetis, ke en unu sido li malaperigos kvindek ovojn kaj kvin litrojn da vino.

Tamen, nokte, kiel eta fiŝo, ek- kaj ekpinĉis lin la penso pri la krano batita en barelon: kvrc... kaj finite!

Tiel li enterigis du advokatojn kaj unu distriktan kuraciston. Li transvivis la edzinon de la apotekisto kaj la fraton de la fabrikdirektoro. Li prifunebris sian amikinon.

— Ej, sinjoroj — diris vizitanto al liaj filoj, unue vidante ilian patron —, mi timas, ke vi ne naturas laŭ via patro. Neniamaniere.

II.

Sed en malfeliĉa tago rompiĝis lia ĝojo, ĉio stariĝis sur la kapon, ĉio komencis retroiri kankropaŝe.

La mošta sinjoro juĝisto havis la kutimon pesi sin ĉiun trian tagon.

La meza korpo-pezo de la sinjoro juĝisto estis 100—105 kilogramoj.

La pesilo plej proksima al la loĝejo de la infanoj staris en la antaŭhalo de la Sava stacidomo.

Nome, sinjoro Dominik ne kredis al la pesilo de la komercistoj, kaj en la provinco li kutimis sin pesi en la apoteko. Ĉi tie, en Zagreb, li fidis je la aŭtomata pesilo, sur kiu estis legebla la presita instrukcio, kiel oni devas enĵeti la dinaron, kiel oni devas atendi, ĝis la maltrankvila montrilo haltas, kaj tra la malsupra aperturo elfalas la slipeto kun la cifero de la pezo. Kontente li legadis la duverseton:

Kiun propra sano interesas,
Tiu sian pezon ofte pesas.

Atente li rigardadis sian sanan kaj ruĝetan vizaĝon en la speguleto trovebla sur la frunto de la aŭtomata spegulo, kaj ridetante, memplaĉe li staris sur la podieto. La dinaro tintante ruliĝis tra la aŭtomato, la montrilo haltis, kaj poste elsaltis la slipeto kun la foto de la Studenica monakejo. Kun la fervoro kaj kredfidelo de oficisto li okulumis al la bildo, kaj ankoraŭ kun pli granda atento li komencis ĝin rigardi, kiam li rimarkis, ke junulo lin observas kun granda interesiĝo. Tiam li legis la daton: tagon, monaton kaj jaron — kaj turnis la slipeton.

Granda Dio!

Sinjoro Dominik Puj, pensiita juĝisto, preskaŭ mortis de teruro. Lia koro tempeste ekbategis. Lia vizaĝo bluiĝis.

Lia korpo-pezo estas 80.5 kilogramoj: notis la aŭtomato.

Tra lia cerbo fulmis la sola penso: — kvrc... kaj finite.

---

La ĉefpastro mangestis, ke mian ekzamenadon oni finis, la gardistoj min forkonduku.

Post duonhoro oni anoncis la juĝon. Oni juĝis ĉiun akuziton. Unu parton, inter ili Nem-Mat-Ra-n, oni kondamnis je torturado kaj posta bruligo, alian parton je viva enterigo, sole min oni absolvis. La ĉefpastro eĉ laŭdis min, sed mi jam ne memoras liajn vortojn, ĉar pro la granda ĝojo mi ne kapablis atenti liajn vortojn, nur tio trafis en mian kapon kaj restis tie: tamen li estas honestulo. Mi rimarkis, ke la pala, malgrasa pastro-juĝisto nun ridetis. Ioman timon ankoraŭ vekis en mi lia rideto, sed ĝi ne ĝenis min tro, kaj se konfesi sincere, mi pensis plurfoje: krevu!

Tiel mi vivas en Egiptio, eĉ ne tro malbone, kvankam unu aŭ du fojojn, precipe en la afero Nem-Mat-Ra, mi travivis tiajn aventurojn, kiuj facile povus iĝi fatalaj.

Kaj nun, post kelkaj intermetitaj vivetoj, denove mi vivas. Kaj mi vivas jam — nun ni estas en la jaro 1935 — kvindekdu jarojn. Kaj ne sen ĉia danĝero. Ĉar: kiam frapas la danĝero ĉe la pordo, tion — mi diras post kelkdekmiljara sperto — neniam oni povas scii. Ja antaŭnelonge okazis al mi, ke en la strato mi renkontiĝis kun konato kaj tiu demandis min: kiel vi fartas? Kaj li rigardis min same, kiel iu egipto aŭ kiel la monaĥo Clementius en mia mezepoka vivo, pri kiu mi ankoraŭ ne parolis. Aŭ kiel en mia zebro-vivo la serpento el post arbeto. Kvankam li ridetis. Kaj mi post gravaj prikonsideroj, senfine multaj spertoj kaj multega praktiko eĉ ne la plej bone solvis la momentan situacion. Ĉar senatende, preskaŭ alarme min trafis la renkontiĝo. Kompreneble mi ne respondis je la demando, sed manke de subita ekideo, nur tiel mi povis ĝin forskermi, ke mi metis la tute ne novan kontraŭdemandon:

— Kiel fartas *vi*?

El la hungara: *L. Tárkony*

El la spegulo rigidis al li pala vizaĝo, kvazaŭ jus oni puŝus ĝin en sakon da faruno.

La moŝta sinjoro forsaltis de la pesilo, rompadis la manojn kaj elkuris tra la pordo.

— Sinjoro Puj, halo, sinjoro juĝisto! — algrakis lin iu kaj kaptis lian jakon.

— Je la amo de Dio, kio estas al vi, vi tute bluiĝis, paliĝis...

Li elŝiris sin, kiel la sovaĝiĝinta ĉevalo el inter la bridoj kaj komencis kuri rekte al la unua kuracisto.

III.

— Hm, hm... ŝancelis sian kapon la juna, sensperta doktoro, kaj la voĉoj gluglis tra liaj maldikaj nazloboj, dum li gluis sian orelon al la grasa brusto de la juĝisto. Per la granda kaj montra fingroj li knedis la dikajn faltojn de la juĝista submentono, la grasan ventron. Egalritme kaj meditante li frapetis la klavikojn, la plenajn skapolojn, la sakron... Poste li repremis lin sur la sofon kaj metis malvarman kompreson sur lian frunton.

Sinjoro Dominik sentis, kvazaŭ li estus en tomba kavo: li kuŝas mortinte, aŭdas la ploron de liaj filoj kaj filinoj, vidas la scivolajn alvenintojn, kiam ili metas la signon de kruco kaj interflustras; li estus volinta krieti, kaj saltleviĝi, kriegi, ke li ja vivas, sed li ne povis. Li pensis pri sia animo. Aperis antaŭ li la figuro de la mortinta Jurak, kiu kriadis, ke li estas senkulpa, ke ne li lokis la infermaŝinon sub la ponto, tra kiu devis pasi la vagonaro de la ekscelenca aŭstra estro. Venis en lian kapon la malbeno de Bartol Ĵupan: — Perfidulo, vi vendis vin! Jes, mi suprentiris la standardon, mi suprentiris! Sed ankaŭ vin oni tiros supren, vi kanajla! Ho, Dio! Kaj la maljuna Bara Grba. Poste Mijo Medaĉ kaj Katica Prstec...

— Vi multe ŝvitas, sinjoro Puj... tio estas la necesa reago. Nur trankvilon, ne ekscitiĝu! Nenia emocio! Hejme ne parolu multe, prefere neniom parolu, eĉ ne unu vorton. Manĝu bone, bongustajojn. Detenu vin de la alkoholo. Nur trankvilon, trankvilon kaj bonan nutron! Manĝu kiel eble plej, ĉu vi komprenas, sinjoro Puj? Ĉi tiujn pulvorojn, kiujn mi preskribis, bonvolu regule preni, akurate matene, tagmeze kaj vespere. Vesperkrepuske, kiam jam malvarmetiĝas, bonvolu iom promeni en la libera aero, cetere kuŝu trankvile — diris la kuracisto.

La juĝisto rigidiĝis, ne kuraĝis movi eĉ la okulojn, kaj li estis konvinkiĝinta, ke neniam plu leviĝos de la sofo, ke eĉ la manojn kaj piedojn li ne povos plu movi kaj ke iom post iom lia pulso haltas, lia organismo formortas, ĝis paraliziĝas lia koro.

Kaj kiam laŭ la instigo de la kuracisto li tamen povis stariĝi, subite ekregis lin ega ĝojo, li volus kisi sian bonfaranton kaj savinton, kiu ektiminte retropaŝis. Li prenis la honorarion el la poŝo kaj feliĉe kuregis malsupren sur la ŝtuparo.

En la apoteko li aĉetis la pulvorojn kaj malgraŭ la kuracista ordono li vizitis la katedralon, kie rompite, pente li ekgenuis kaj dankis al Dio, poste pripagis kantan meson por la ĉielfeliĉo de la mortintaj Jurak kaj Bara Grba. Fine kvincent dinarojn li metis por Sankta Antonio, por la pardono de siaj kulpoj. Li sankte promesis, ke li adoptos orfulinon, por ke tiamaniere li evitu la malbenojn de Bartol Ĵupan. Li votis al la Dipatrino, ke li aĉetos por ŝi florkronon kaj ĝin ornamos per rubando de kroataj naciaj koloroj.

IV.

— Sed paĉjo, je la amo de Dio, vi krevos. Vi manĝegas kvazaŭ raŭpo. Pro Jesuo, paĉjo, kial vi ne parolas?

Sed la sinjoro juĝisto nur mansignis al la infanoj, ke ili silentu, ili lasu lin trankvila, kaj al la servantinoj li ordonis, ke ili alportu glason da akvo por la gluto de la pulvoroj, kaj ĉe ĉio ĉi li faris mienon tiel solenan, kvazaŭ de tiu glaso da akvo dependus lia vivo. Kiam vespere li iris promeni, li ekiris kun ega peno, kaj reveninte, li ne eligis eĉ unu solan vorton.

Sed post unu monato subite, jen, li jetas sin en la ĉambron, kaj dum liaj filoj sidis laŭkutime ĉe la tablo, li kriis sane, ruĝe kaj dike:

— Infanoj, infanetoj, karaj miaj! Revenis mia forto... ha-ha-ha! Cent kaj unu kilogramojn mi pezas, jen, rigardu do!...

Kaj li jetis sur la tablon la slipeton, sur kiu pompis la bildo de la monakejo de Ravanica, kaj apud ĝi la cifero de la korpopezo.

Sed paĉjo, vi estis ja ĉiam tia sama! Kio al vi okazis, paĉjo, ĉu via kapo konfuziĝis?

La patro sin elstreĉis sur la sofo, forte kaj peze spirblovadis, kaj nur per sia dekstro li signis, ke oni lin ne ĝenu.

# AL LEKANTETO

## trafita dum plugo

ROBERT BURNS

1. Floret' modesta, ruĝkisita,
mi trafas vin en hor' subita:
en polvon estos tuj premita
la tig' gracia:
ne eblas jam forturn' evita,
vi gem' radia!

2. Ne estas, ho, la najbareto,
alaŭdo dolĉa, kies treto
premas vin al la rosvegeto
por salti for
en ĉielalton kun impeto
kontraŭ l' aŭror'!

3. La frosta nordo akre blovis
dum tero frue vin elkovis,
sed gajobstine vi vin ŝovis
al ŝtormo kruda,
ĝis flirte super ter' sin trovis
korpeto nuda.

4. La pompajn florojn de l' ĝarden'
forŝirmas muroj, branĉkurten';
sed vi, sub la hazarda ben'
de ŝton' aŭ kavo,
ornamas la stoplejon en
soleca bravo.

5. Vi tie, simpla, humilvesta,
radiis per la form' modesta;
al sun' sin tiris kapo kresta
kun milda kredo.
Nun ŝiris vin la sok' molesta
el via bedo!

6. Tia la sort' de virgulino,
floreto de l' kampara sino!
Naive al la am', sen timo,
ŝi sin elmetas;
ĝis ŝin la bato de l' Ruino
en polvon tretas!

7. Tiel poeto en naivo
ŝipadas sur la mar' de l' vivo:
nesperta, al senhelpa drivo
li sin fordonas;
ĝis muĝas ond', ekbatas rifo,
kaj li endronas!

8. Tia la sort' de l' Indo vera
luktanta kontraŭ mank' sufera:
ruza ignor', malŝat' fiera
lin krude neas;
ĝis krevas ĉiu lig' espera
kaj li pereas!

9. Eĉ vi, kiu pri l' floro revos,
vi saman sorton mem ricevos:
minace antaŭ vi sin levos
la Plugoŝpato,
kaj super vin la Sulko krevos
en mortobato!

El la skota: *Reto Roseti.*

---

— Dio priaŭskultis min, kompatindan pekulon.

Kaj al si ankoraŭ unufoje li grandanime konfesis ĉiujn malbonaĵojn, kanajlaĵojn kaj kulpojn, kiujn li faris kontraŭ unuopuloj, kontraŭ la popolo kaj la patrujo. Nenion li prisekretis.

V.

Pasis pluaj dek kvin tagoj.

Timtreme li stariĝis sur la ŝtupon de la aŭtomata pesilo, enĵetis la dinaron kaj atendis.

*Via korpo-pezo estas 160 kilogramoj.*

Rapide li trapalpis sin, kaj febre, terurite

# La senkredulo

## TAGLIBRO DE ĈASISTO

— Vahtang Ananian —

En malvarma vintra tago ni ascendis ĝis surmonta vilaĝo de la distrikto Vediĵsk, por tie pasigi la nokton kaj por surprize trafi en la matena krepusko aron da cervinoj. La posedanto de la dometo, en kiu ni trovis ŝirmejon, estis homo altkreska, malgrasa kaj pala, kun malhela mieno, kun vizaĝo tirita al unu flanko, sur la dekstra vango estis vindajo.

Sidiĝinte turkmaniere ĉirkaŭ la flamanta fajrujo, la konversacion mi direktis al la ĉasado, kiu estis mia pasio.

— Ankaŭ mi estis iam ĉasisto, suspiris la dommastro, sed mi forlasis ĉi tiun malpian okupiĝon.

— Ĉu oni povas ĉesi esti ĉasisto? — demandis mia kunulo.

— Ĉa Viŝap-serpento venenis al mi la ĝojon de l' ĉasado.

— Hm, mi diris al mi, estas io interesa sub tio — kaj mi komencis urĝi la homon per demandoj por lin paroligi.

Tiun nokton, dum ni sidis ĉirkaŭ la fajrujo, kaj tiradis lantajn blovetojn el niaj pipoj, li rakontis al ni la historion de la «Viŝap-serpento».

*

— Estis tempo, kiam mia vizaĝo ne estis malrekta, kiam mi ne kaŝis ĝin sub vindajo kaj kiam mi ne havis ĉi tiun aspekton premitan kaj malserenan. Kiel vi, mi havis la reputacion de eminenta ĉasisto kaj senzorge mi vagadis, kun la pafilo subbrake, ĉe la piedo de la monto Massis. La ĉasado estis mia sola konsolo en mia mizera vivo, sed la ĉaso estis ankaŭ, kiu tiel kruele detruis mian vivon. La ĉaso difektis mian vizaĝon.

Kaj nia gastiganto, Uzun Sulejman, forigis sian vindajon, tremigante nin de hororo: li ne havis dekstran vangon. De la frunto ĝis la mentono oni vidis terurajn ostojn kaj nigran truon oscedantan sur la loko de l' okulo. Ŝajnis, ke la dekstra flanko de la vizaĝo estas mortinta de longtempe, dum la maldekstra ankoraŭ vivis, sed, terurite de la najbareco de la morto, kuntiriĝis sub la pezo de konstanta alarmo.

La historio prenis enigman turnon kaj mi preskaŭ mortis de scivolo.

Uzun Sulejman, remetinte sian vindajon, diris al mi:

— Mi rakontos al vi, kiel ĉio ĉi okazis al mi kaj kial punis min tiel kruele la sorto.

— Iun aŭtunan vesperon, kurbiĝante, kun la fingro sur la ĉano de mia fusilo, mi rapidis sur la deklivoj de la Granda Massis por tranĉi la vojon al vulpo. Sen forlasi per la okuloj la fuĝantan beston, mi ne rigardis, kien mi metas la piedojn, kiam subite — krak! — mi falis en profundan truon. Rekonsciiĝinte, mi rigardas en

---

li jetis novan dinaron en la aŭtomaton.

*Via korpo-pezo estas 70.5 kilogramoj.*

Li enjetis novan dinaron.

*Via korpo-pezo estas 51.5 kilogramoj.*

La sinjoro juĝisto elbuŝigis dikan blasfemon kaj disŝutis sur la koridoro la piajn bildetojn.

En sia kolero li eĉ ne rimarkis, ke la ĉeestanta sekreta policano kolektis post li la fotojn de la sanktaj konstruajoj, tiris sian ĉapon sur la okulojn kaj postsekvis lin ĝis lia hejmo.

El la kroata: *K. Norĉiĉ.*

*NOTO. Ivan Goran Kovaĉiĉ* estas kroata verkisto-ĵurnalisto kaj granda poeto. En lia trideka jaro, en 1943, lin buĉis la ĉetnikoj de Draĵa Mihajloviĉ.

Lia elstara verko estas la dekkanta poemo «Amastombo»: kundensigita doloro kaj teruro, animskua pripentro de ustaŝaj (kroatfaŝistaj) teror-agoj. La ĉi-numere presita novelo, ankoraŭ junula verkajo, estas momentfoto pri la antaŭmilita Jugoslavio. Kun murda ironio li prezentas al ni la serviston senaniman de la duonfaŝismo, kies konsciencon vekas la malkresko de lia korpopezo, kaj kiu volas liberiĝi de siaj angoroj per grasiga kuraco kaj pagataj mesoj. Li ne pentofaras, li ŝakradas. Nenia lukto kun problemoj, nenia animbatalo — la sinjoro juĝisto simple volas rerifuĝi en la varmetan marĉon de sia antaŭa vivo. Li vere indas tiun buban mokon, kiun faras pri li la aŭtoro, kiam ĉe la fino li sendas post lin la trofervoran detektivon — faŝiston post faŝisto. *K. N.*

la aeron kaj mi konstatas, ke mi estas funde de elsekiĝinta puto. Mi vidis tie supre anguleton de la ĉielo tra la arbedoj,. kiuj pendis super la puto. La vandoj de la puto estis el ŝtonoj, tre glataj, nenia malglataĵo, al kiu oni povus sin alkroĉi. Mi provis ĉiun metodon, sed ne povis eliri el tiu truo. Malesperiĝinte pri la afero, mi sidiĝis sur ŝtonon kaj komencis meditadi. «Estas eble, ke la sorto difinis al mi tian morton ĉi tie?» Subite mi vidas du fajrookulojn brilegi kaj min fiksrigardi. Mi klopodas vidi, kio ĝi estas? Teruro! Mia koro ekfrapas kun duobligitaj batoj: en angulo, kontraŭe al mi, monstra serpento movis siajn ringojn.

Kvazaŭ ŝtoniĝintaj, ambaŭ senmovaj, ni esploradis unu la alian. Ideo trafulmis mian menson — pafi sur la serpenton —, sed mi tuj diris al mi mem: kaj se mi erarpafos, kio okazos al mi?

Dume la rigardo de la serpento, kiun flamigis la kolero, komencis sereniĝi. Ĝi etendis sian grandan, rondan kapon kaj, ne deprenante de mi la okulojn, rampis al mia flanko. La hororo rigidigis min kaj paralizis mian langon. Ankoraŭ unu momento, mi diris al mi, kaj ĝi min englutos. La serpento rampis lante, malice, poste ĝi sin rulis en bulon, levis la kapon kaj rekomencis min fiksrigardi.

Mi rigardis ĝin rekte en la okulojn, tremante tutkorpe. Estas vere, ke ĝi rigardis min sen kolero (mi estas loĝanto de la ebenaĵo kaj mi konas la naturon de la serpentoj), sed tamen, serpento estas serpento, tio ne estas ŝerco kaj oni devas havi koron el ŝtalo por elteni ĝian rigardon.

Hipnotigite mi elportis la turmenton, dum la serpento ne moviĝis eĉ colon. Fine jen ĝi metas la kapon sur miajn genuojn, sur miajn varmajn genuojn, kredeble tio estis laŭ ĝia gusto. Certe la korpvarmo ĝin altiris al mi (la serpento estas malvarmsanga besto). Mi tuj komprenis, kion mi devas fari por akiri ĝian favoron: mi kovris ĝin per basko de mia mantelo. Varmigite, ĝi endormiĝis.

Sed la malvarmo, kiu eliris el ĝia korpo, min tremigis. La malvarmo de serpento ne estas bagatelo, vi povas kredi al mi! Iom post iom mi komencis kvietiĝi: la naturo de la serpento estis konata al mi: se oni ne faras al ĝi malbonon, se oni estas afabla al ĝi, ankaŭ ĝi ne faras malbonon al vi. Cio supozigis, ke ĝi estas maljuna serpento plena de spertoj, kiu neniel havas la intencon al mi malutili. Eh, eh, mi diris al mi, sendube la saĝa naturo trovis bona sendi tiun ĉi kunulon en fatala horo, ni danku ĝin kaj ni vidu, kiel ĉi tiu tago finiĝos.

La aperturo de la truo iĝis pli kaj pli malhela kaj poste tute ĝi malaperis en la nokto. La Viŝap-serpento dormis, la malvarmo de ĝia korpo glaciigis al mi la ostojn.

Tiu nokto ŝajnis al mi tuta jaro.

La sekvan matenon la serpento vekiĝis el sia dolĉa dormo, levis la kapon kaj longe min rigardis.Poste ĝi apertis en ĝia tuta grando la faŭkon kaj per sia forkforma kaj dura lango ĝi komencis leki al mi la manojn. Mi riskis karesi ĝian kapon kaj kolon, sed ĉiufoje, kiam mi tuŝis ĝian glatan kaj malvarman haŭton, mi ektremis.

Efike de miaj karesoj, la rigardo de la serpento tute transformiĝis, ĝi estis tiel tenera, tiel trankvila kaj bonvola, ke mia tuta timo malaperis.

Fine la serpento rampis al alia fino de la puto kaj komencis leki malgrandan blankan ŝto-

## Sonoriloj sonas

(Novjara nokto, 1714)

— H. PROCOPÉ —

Sonoroj ondas por nova jar'
ĉi jar' nur horojn rulas.
Malluma estas kabanar',
kandeloj ne plu brulas.
Malsata lup' en urbo, kort'.
Kiel novjare venos sort'?

Sonoroj ondas. La malproksim'
malicajn novojn ĝemas.
Jam filo lasta: varbviktim',
la pac' nenie venas.
Kaj ĉie pan' el arboŝel'.
Ho, kie lumus nun kandel'?

Sonoroj ondas. Jen malicul'
ŝtelvenas al la pordoj.
Nin vidos pala aŭrorbrul'
almozi ĉe la kortoj.
Plenpeze sonas sonoril',
Ho, kiu dormus en trankvil'?

El la sveda: *F. Szilágyi.*

non. Mi demandis al mi, kion tio signifas? Mi neniel komprenis, sed mi ne povis ne rimarki, ke la serpento pli kaj pli ofte lekas tiun ŝtonon.

Ĉirkaŭ tagmezo, kiam la radioj de la aŭtuna suno estis plej varmaj, la Viŝap-serpento rektiĝis sur sia vosto en sia tuta alto kaj tiam mi vidis ĝian gigantan staturon. Atinginte ĝis la arbedoj pendantaj super la puto, ĝi sin kroĉis al ili kaj eliris el la truo.

Ankaŭ mi leviĝis zorgplene, demandante min, kiel mi eliru de tie. Sed ve, lacigite kaj malesperiĝinte mi bule kaŭriĝis en mia angulo. La larmoj min sufokis. «Ĉu estas eble, ke mia destino estas morti tiel stulte?» — mi diris al mi. La penso pri miaj infanoj premis al mi la koron.

Subite mi aŭdis frotadon kaj la enorma kapo de la serpento aperis en la enirejo de la truo, ĝi tenis leporon inter siaj dentoj. Alkroĉiĝinte per la vosto al arbedo, ĝi restis pendanta super la puto.

Kaj — Dio estas mia atestanto — ĝi demetis la leporon antaŭ min, rigardante jen min, jen la beston. Mi timis tuŝi al ĝia kaptaĵo: se ĝi eble ekkolerus kaj eltordus mian kapon? Sed estis tute alie: la serpento ne tuŝis al la leporo kaj ne ĉesis min rigardi, kvazaŭ ĝi volus ion al mi diri.

Prenante kuraĝon, mi kaptis la leporon — la serpento ne moviĝis. La malsato turmentegis min. Sekaj folioj kaj branĉoj troviĝis sur la fundo de la puto; mi faris el ili amason kaj mi decidis fari fajron en iu angulo. Sed mi havis iom da timo, demandante min, kion faros la dommastro? Spite mian malsaton, mi ne tuŝis al la leporo. Vespere la serpento denove rampis al mi, metis sian kapon sur miajn genuojn, sin rulis en bulon ĉe miaj piedoj kaj endormiĝis.

Oni scias, ke en la valo de Ararat tage estas varme kaj nokte estas malvarme, la serpento estas malvarmsanga besto, mi sciis, ke ĝin varmigante mi faras al ĝi grandan servon. Aliparte la proverbo: «Varmigi serpenton sur sia sino» revenis al mi en la memoron kaj traboris min la timo. Ne, la serpento ne estas perfida besto; laŭ mi, la homo estas multe pli ruza: li pagas la bonon ĉiam per malbono. Vi vidos, ĉu mi estas prava.

La sekvan tagon la serpento ankoraŭfoje forlasis nian truon por iri sin varmigi kaj ĉasi. Ĝis tiam mi ankoraŭ ne tuŝis al la leporo. Nun mi tiris fajron el mia fajroŝtono, mi senhaŭtigis la leporon, ĝin salis kaj iome rostis. Kompren-eble per branĉoj kaj folioj oni ne povas fari grandan fajron. Mallonge: por malsatiĝinta ĉasisto la nekuirita viando ŝajnas delikataĵo, kaj la leporo estis sufiĉe mola, do mi englutis ĝin sen tion rimarki.

Mi manĝis la leporon, sed pli bone mi farus, se mi ne estus ĝin manĝinta — tia soifo, horora soifo komencis min bruligi. Estas neeble tion priskribi.

La serpento revenis ĉe la falo de la nokto, ĉi tiun fojon ĝi alportis nenion. Mi kaŝis la tripojn, la haŭton, la kapon kaj parton de la viando. Tuj kiam la serpento aperis, mi diris al mi: mi faros bonan agon kaj la okuloj de mia gastiganto sereniĝos. Mi etendis leporpecon al la Viŝap-serpento. Ĝi glutis ĝin sen maĉado. Mi envolvis la tripojn en la haŭton kaj etendis al ĝi la tuton. La serpento ĝin glutis, ne kiel la lupo aŭ la hundo, per unu fojo, kun manĝavido, sed malrapide, kvazaŭ ĝi gustumadus la manĝaĵon.

Post tio ni fariĝis veraj amikoj. La serpento ankoraŭfoje rampis al la malgranda blanka ŝtono, kaj komencis leki, rigardante min, kvazaŭ farante al mi signon. Mi alproksimiĝis, prenis la ŝtonon, kaj ĝin lekis sur la lokoj, kiujn la lango de la serpento ne tuŝis. Elĉerpita de la soifo, mi pensis, ke mi iom ĝin kvietigos. Mi sciis, ke la pilgrimantoj, kiuj vojaĝas al Iran kaj trairas la dezerton, metas rondan ŝtoneton sub sian langon, ĝin suĉas kaj tiel kvietigas sian soifon.

La ŝtoneto de la serpento havis nenian guston. Mi komencis ĝin leki, kaj kia estis mia surprizo, kiam mi sentis, ke mia soifo iom post iom kvietiĝas!

Ankoraŭ du tagoj pasis, mi komencis konsumiĝi de malsato kaj soifo. Iun matenon mia najbaro firme volviĝis ĉirkaŭ mia korpo. Tio estis al ĝi komforta kaj agrabla, tuta ĝia korpo varmiĝis de la mia. Subite mi aŭdis bruon elsupre, ĝi estis perdriko, kiu, por fuĝi antaŭ falko, sin ĵetegis en nian kavaĵon. Tremante de timo ĝi rifuĝis en iun angulon. Rimarkinte nin, ĝi volis forflugi, sed la flamanta rigardo de la Viŝap-serpento ĝin najlis al ĝia loko. Jam delonge mi konis la potencon de la faĉina rigardo de la serpentoj. La perdriko apartenis al ni. La serpento severe rigardis la birdon rekte en la okulojn, la perdriko hipnotigite, tremante en tuta korpo, endormiĝis. Ne deprenante de ĝi la okulojn, la serpento rampis al ĝi malrapide, ĝin prenis ĉe la kolo kaj prezentis al mi. Mi disŝiris la perdri-

kon, kaj retenante nur la femurojn, ĉion alian mi jetis en la faŭkon de la serpento. Malrapide, sen maĉado, ĝi englutis la birdon, la ostojn kaj la plumojn.

Mi salis la nekuiritan viandon, poste mi manĝis el ĝi kaj mi komencis leki la ŝtoneton.

Pro soifo kaj malespero mi blekis kiel ŝafo, mi skrapis la murojn, mi saltadis. Mia najbaro observis min kun konsterno. Subite, ĝi stariĝis sur sia vosto kaj kroĉiĝinte al la radikoj de la arbedoj, kiuj pendis en la puton, ĝi restis pendanta. Mi restis rigidiĝinta, ne komprenante, kion ĝi volis. Restinte pendanta dum certa tempo, la serpento levis sian voston, klinis sian kapon kaj min rigardis per longa rigardo. Poste ĝi reprenis sian pozicion. La vosto de la serpento pendis super mia kapo kiel rostro de elefanto; mi konis la forton de tiu vosto; mi sciis, se mi kroĉiĝus al ĝi, la serpento tirus min el la truo. Mi diris al mi samtempe: tio doloros al ĝi, ĝi ekkoleros kaj tiam... Okazu do, kio devos okazi, mi diris al mi, ne povas okazi al mi io pli malbona. Streĉante mian kuraĝon, mi kroĉiĝis al la vosto de la serpento. Gia korpo streĉiĝis, fariĝis dura kiel la fero kaj ĝi tiris min el la truo. Estis kvazaŭ el tombo mi elirus al la taglumo. Mi revidis niajn pompajn kampojn, la arĝentajn akvojn de Araz, mi rigardis mian vilaĝon en la malproksimo, kaj la fumon elirantan el la kamentuboj kaj mi jubilis kiel infano.

Mi ĉirkaŭbrakis mian savanton plorante amare. Mi havis kapturnon kaj miaj kruroj fleksiĝis. Mi trenis min duone mortinta. Post mi, kun levita kapo, la serpento rampis susurante. Leporo preterpasis. Mi surpafis ĝin, la serpento ektremis kaj ĝiaj okuloj fulmis. Sed vidante, ke mi etendas al ĝi la leporon, ĝi sereniĝis kaj trankviliĝis.

Tiel, simile al du amikoj, ni atingis la enirejon de mia vilaĝo. La nokto descendis, la gregoj muĝante revenis en la stalojn, la hundoj bojis. Aŭdante tiujn bruojn, la serpento haltis kaj... ni adiaŭis unu la alian.

Enirante en la vilaĝon, mi returniĝis, la serpento akompanis min per longa rigardo, levante sian kapon el la herbo.

Miaj edzino kaj infanoj akceptis min kun ĝojolarmoj. En la vilaĝo disvastiĝis la famo, ke mi pereis per la mano de rabistoj, kiuj endanĝerigis la piedon de la monto Massis.

Tiel la serpento pagis per bono la bonvolon, per kiu mi kondutis al ĝi. Kiam la loĝantoj de

# Dezerta floro

— N. Ferlin —

Nun ŝi jam atendis streĉe. Ŝi esploris,
poste premis mian manon: «Vidu, tamen ĝi ekfloris.»

Estis ŝia aĝa kakto, mi apenaŭ kredis vero,
dum la plej malluma tempo ĝi ekpompis kun fiero.

Nun ĝi floras — antaŭ morto. Sed ni ja nenion timis.
Panjo iom gorĝmalsanis kiel vintre ŝi kutimis.

Kaj ŝi diris en la lit': «Mi fartas bone. Preskaŭ sane.
Mi ja sciis, ke ĝi floros. Vi ne kredis tion. Vane.»

Jes — respondis mi: «Ja strange, fine tamen nun vi pravas.
Mi ne sciis, ke la kakto tian brilan floron havas.»

Ni ĝin havis tiom longe, sen imago, ke ĝi floras
iam, ie en la mond' kaj jen ĉi tie ĝi odoras.

Kaj fratinoj miaj venis, haltis, mire ekkrietis,
ili diris: «Ke ĉi kakto floros, ni neniam kredis.»

Brilis klare kaj silente antaŭ mort'. Tiel okazis,
ke dezerta floro donis lumon en la hejmo, kiam
panjo nin forlasis.

El la sveda: *F. Szilágyi.*

mia vilaĝo eksciis mian historion, ili estis pli indulgemaj kontraŭ la serpentoj kaj ne mortigadis ilin plu.

Nun vi demandos min, kiel mi, homa estaĵo, repagis la grandan servon, kiun faris al mi tiu muta besto?

*

Pasis unu jaro. Iun varman someran posttagmezon, kiam la hundoj en la ombro dormetis kun pendanta lango, kiam la kokoj rifuĝis al sia freŝa kokujo, kiam la bubaloj amuziĝis en la superombrita lago, granda bruego leviĝis en la vilaĝo. Mi eliris eksteren kaj mi vidis: vilaĝanoj, junaj kaj maljunaj, sin premadis ĉirkaŭ kvar pilgrimantoj vestitaj kiel dervIŝoj; unu el ili ludis sur ŝalmo, alia batis bruan tamburon, la

du aliaj portis buntajn kestojn kaj grandan feran kaĝon plenan de serpentoj. Ili haltis sur la placo de la vilaĝo; post kiam ili disrulis tapiŝon, ili elirigis siajn serpentojn. Vidante tiujn ĉi rampulojn moviĝi, la virinoj akre ekkrietis, la infanoj hurlis. Estis ĉia speco de serpentoj, kun koloro malbrila kiel la ŝtono, serpentoj kun granda plata kapo, kaj serpentoj nigraj kiel la fulgo, vipuroj kun larĝaj buŝoj, belaj ĉakmaroj kun koloroj ŝanĝbrilantaj. Je la sono de la ŝalmo kaj de la tamburo komenciĝis komika danco de la serpentoj.

Unu el la derviŝoj amuzigis la publikon prenante la kapon de la plej venena serpento kaj ĝin descendigante tra la aperturo de sia kolumo, la serpento volviĝis ĉirkaŭ la nuda korpo de la derviŝo, ne farante al li eĉ la plej etan malbonon. Por fini, li ŝovis en sian buŝon la kapon de alia serpento. La virinoj tumulte ekkriadis, dum la derviŝo trankvile plu ridetis kaj karesis sian barbon. Vilaĝano ekkriis:

— Bela miraklo! Certe li elŝiris la dentojn de la serpento, forigis la venenon, kaj nun amuziĝas — ĉiu povas fari same, se li havas emon al tio.

— Donu kokidon — respondis al li la derviŝo.

La fanfaronulo, kiu ne volis repreni siajn vortojn, alportis kokon kaj ĝin prezentis al la serpento. Tiu etendis sian kolon, leviĝis, ĝiaj okuloj ekfulmis de kolero, ĝi siblis kaj mordis la kokon ĉe la kresto. Unu sola sangoguto aperis, sed la koko ŝvelis de momento al momento kaj tuj mortis.

— Enterigu ĝin sufiĉe profunde, por ke la hundoj ĝin ne manĝu, — diris la derviŝo kolektante siajn serpentojn, — kaj tiuj, kiuj havas serpentojn en la domo, nur diru tion al ni, ni venos liberigi ilin de tiu malfeliĉo.

— Serpento ne estas malfeliĉo, — diris maljunulo, — ĝi portas feliĉon al la domo.

— De kiam fariĝis amiko de la homo la serpento, kiu tentis Evan, — demandis mokante la derviŝo.

— De la tago, kiam ĝi savis la vivon de unu el la loĝantoj de nia vilaĝo, la vivon de Uzun Sulejman, — respondis mia najbaro Askiar.

— Ho, ho, ĉu estas eble, ke vi havas tiel inteligantan serpenton? — Kaj la derviŝo komencis min demandadi pri la detaloj de tiu okazajo.

Liaj okuloj ekbrilis de envio, kiel tiuj de kato je la vido de la ŝafhepato.

— Donu al mi tiun serpenton, Sulejman, — li diris al mi, — mi ĝojigos la homojn en Everan, en Tbilissi kaj en Baku.

— Mi timas fariĝi senkredulo, — mi respondis al li. — Ne, derviŝo, mi ne faros tion.

— Oni ne opinios vin senkredulo, Kardach Sulejman, respondis la derviŝo, — la Profeto atestos tion. Tiun serpenton mi prizorgos, ĝi vivos en silko, mi nutros ĝin per dolĉajoj de Bagdad kaj per sekvinberoj de Teheran. Dio scias, kiel ĝi vivas solece en la libero, suferante de la malsato kaj de la malvarmo. Ĉe mi, Kardach Sulejman, ĝi vivos kiel grandsinjoro, nur diru al mi, kie ĝi troviĝas kaj oni trovos la ilojn por ĝin kapti. Mi donos al vi dek tumanojn por tio.

— Kiel vi, disĉiplo de la Profeto, — mi diris al li, — devigas min agi kontraŭ mia konscienco?

Samtempe mi faris kalkulon en la kapo: por dek tumanoj oni povus aĉeti bubalon...

— Kardach Sulejman, mi petegos pardonon por vi antaŭ la Profeto, nur nomu al mi la lokon — kaj la derviŝo, surgenuiĝante sur la tapiŝo, levis la manojn al la ĉielo kaj komencis murmuri preĝojn.

Tiam mi plikuraĝiĝis kaj kiel senkredulo mi vendis por dek tumanoj mian noblan amikon, mian savinton.

La derviŝo kaj ĝiaj kunuloj gaje ekiris al vojo, ni direktis nin al la puto, kie vivis la Viŝapserpento.

Ju pli ni alproksimiĝis, des pli forte batis mia koro, mi sentis, ke mi faras abomenindajon, mia konscienco turmentis min.

Sed kiun pekon ne igas fari la malriĉo? Ĝi puŝas la homon al ŝtelo, mortigo kaj perfido. Mi min konsolis: se konsideri la aferon, mi diris al mi, la serpento estas besto sen inteligento, ĝi ni distingas la agojn, ĝi ne estas homo, kiu povus fari al mi riproĉojn, aŭ hontigi min, se ni renkontiĝos.

Ni atingis la truon, mi tenis min aparte. La serpento estis malsupre.

La derviŝo ĉe la bordo de la truo disrulis la persan tapiŝon kun la brilegaj desegnajoj kun tia lerto, ke la sunradioj briligis ĉiujn ĝiajn kolorojn. La serpento ŝajnis sorĉita kaj ne deturnis la okulojn de la tapiŝo. (Mi ŝtelrigardis

# Sceno el „LA HONORINDA STRATULINO"

## — Jean Paul Sartre —

(En la Observo de nia unua numero, parolante pri la ĉefo de la skolo «ekzistismo», la referanto konstatis, ke la verkisto Sartre ne kompletigas la filozofon tiagrade, kiel liaj kritikistoj asertas: li ofte kontraŭdiras sian filozofian negativismon per pozitivaj manifestiĝoj. Ekzemplo pri tio estas la sarkasmo de la suba sceno el lia teatraĵo, kiu prezentas la honton de la usona demokratio: la linĉ-atakojn kontraŭ la negra malplimulto; ĝi prezentas ĝin per vortoj duraj kaj klaraj.

Lizzie, la «honorinda stratulino» alvenas en usonan urbeton. Fred, kun kiu Lizzie pasigis la nokton, kaj la amikoj de Fred volas ŝin devigi por subskribo de deklaro, laŭ kiu dum ŝia vojaĝo du negroj faris en la vagonaro perforton kontraŭ ŝi. Sed nek peto, nek minaco efikas: Lizzie rifuzas la subskribon: ŝi ne volas mensogi, ŝi ne volas elmeti senkulpan negron al la sangsoifo de linĉantoj, kaj ŝi ne volas ekskuzi la kuzon de Fred, kiu — pretekste de falsa akuzo — mortpafis alian same senkulpan negron. Fred kaj John perforte volas trudi al ŝi la subskribon, kiam enpaŝas senatoro Clark, patro de Fred kaj onklo de la junulo murdinta la negron.)

*Senatoro:* Lasu ŝin. (Al Lizzie:) Stariĝu.

*Fred:* Hallo!

*John:* Hallo!

*Senatoro:* Hallo! Hallo!

*John* (al Lizzie): Senatoro Clark.

Senatoro (al Lizzie): Hallo!

*Lizzie:* Hallo!

*Senatoro:* Nu, nun ni jam konas nin reciproke. (Li rigardas Lizzie-n.) Jen tiu ĉi juna knabino. Ĝi ŝajnas tre simpatia.

*Fred:* Ŝi ne volas subskribi...

*Senatoro:* Ŝi tute pravas. Vi ne rajtis ŝin ataki. (Je la gesto de John li daŭrigas kun pli forta akcento.) Eĉ la plej etan rajton vi ne havis por tio. Vi mistraktas ŝin kaj volas al ŝi trudi konfeson kontraŭ ŝia konvinkiĝo. Tia konduto ne estas inda al Ameriko.

*Lizzie:* Ne estas inda.

*Senatoro:* Kompreneble. Tio ja estas klara kiel la suno. Rigardu en miajn okulojn. (Li rigardas ŝin.) Mi estas konvinkita, ke ŝi ne mensogas. (Paŭzeto.) Kompatinda Mary! (Al la aliaj:) Nu, knaboj, ni iru. Nenio por fari plu ĉi tie. Krom tio, ke ni devas peti pardonon de la fraŭlino.

*Lizzie:* Kiu estas tiu Mary?

*Senatoro:* Mary? Mia fratino, la patrino de tiu kompatinda Thomas. Kompatinda, afabla maljunulino, kiun pereigos tiu ĉi afero. Ĝis revido, infano mia.

*Lizzie* (sufokate): Sinjoro Senatoro.

*Senatoro:* Bonvolu, infano mia.

*Lizzie:* Mi tre bedaŭras.

*Senatoro:* Ĉu povas temi ĉi tie pri bedaŭro, se vi diris ja la veron?

*Lizzie:* Mi tre bedaŭras, ke tio estas la vero.

*Senatoro:* Ni ne estas kulpaj pri tio, nek vi, nek ni, kaj neniu rajtas deziri de vi falsan ates-

---

ĝin kaŝiĝinte malantaŭ la arbedoj kaj mia koro doloris, kvazaŭ la ŝaho forportigus mian fraton en la armeon.) La derviŝo ekkantis duonvoĉe araban kanzonon, frapante la takton sur sia tamburo kaj svingante siajn tintilojn. La serpento etendis la kapon rigardante la tuton kun konsterno.

Tiam la derviŝo tiris el sia poŝo brilantan objekton, kiun li etendis al la serpento, dum li logis dolĉajn sonojn el sia ŝalmo.

Ah, kion ne faras la kanto! Ĝi prenas la menson al knabino sen kompare bela, al la lupo sangavida kaj al la kruela serpento... La viŝapserpento, ravita per la kanto, etendis la kapon, atingis la brilantan tapiŝon, rampis ĝis la derviŝo kaj metis la kapon sur liajn genuojn.

Tiel, fasĉinita per la ruzo, la serpento estis allogita ĝis la kaĝo. Mi fuĝis, por ne vidi la amaran sorton de la muta besto. Mi hontis pro mia ago. La serpento apenaŭ havis tempon eniri en la kagon, kiam ties pordo ekklakis. La derviŝo venis al mi kaj kalkulis al mi dek tumanojn, dirante:

— Vi vere bone ilin gajnis, Sulejman, vi akiris por mi grandan trezoron.

Tiu malbenita mono bruligis al mi la manon kiel fajro. Mi rememoris pri via perfida Judas, mi rememoris pri la tridek denaroj (kvazaŭ pro malfeliĉo mi ricevis ĝuste la saman

fon. (Paŭzeto.) Ne, eĉ ne pensu plu pri la kompatinda.

*Lizzie:* Pri kiu?

*Senatoro:* Pri mia fratino. Ĉu ne pri ŝi vi do pensis?

*Lizzie:* Jes ja, pri ŝi.

*Senatoro:* Infano mia, mi legas en via animo kiel en malfermita libro. Ĉu mi diru, kion mi ellegis? (Imitante Lizzie-n:) «Se mi subskribus, la senatoro irus al ŝi kaj dirus: — Tiu ĉi brava knabino Lizzie MacKay redonis al vi vian filon. — La larma vizaĝo de Mary ekbrilus, kaj ŝi respondus: — Lizzie MacKay? Neniam mi forgesos ĉi tiun nomon. — Kaj mi, kiu ne havas familion, kiu estas ekzilita el la socio, mi scius, ke vivas ie, en iu granda domo, simpla maljunulino, kiu pensas pri mi; mi scius, ke ekzistas amerika patrino, kiu min fermis en sian koron.» Kompatinda Lizzie, eĉ ne pensu pri tio.

*Lizzie:* Ĉu ŝiaj haroj estas blankaj?

*Senatoro:* Blankaj kiel la neĝo. Sed la vizaĝo estas tute juna. Kaj se vi vidus ŝian rideton... Sed neniam plu ŝi ridetos. Adiaŭ. Morgaŭ antaŭ la juĝisto vi faros la konfeson.

*Lizzie:* Ĉu vi jam foriras?

*Senatoro:* Nu jes. Mi iros al ŝi. Mi devas raporti pri nia interparolo.

*Lizzie:* Ĉu ŝi scias, ke vi venis tien ĉi?

*Senatoro:* Ŝi mem petegis, ke mi venu tien ĉi.

*Lizzie:* Dio mia! Kaj nun ŝi vin atendas? Kaj nun vi diros al ŝi, ke mi ne volis subskribi? Kiel ŝi min malamos!

*Senatoro* (metas la manon sur ŝian ŝultron): Kompatinda infano, mi ne volus esti en via loko.

*Lizzie:* Ve, kiel terure! (Al sia braceleto:) Vi, koto, vi estas la kaŭzo de ĉio.

*Senatoro:* Ĉu?

*Lizzie:* Nenio. (Paŭzeto.) Estas vere domaĝe, ke tiu negro ne faris al mi perforton.

*Senatoro* (emociite): Infano mia!

*Lizzie:* Tiel bone estus por vi, kaj por mi tio signifus tiel malmulte.

*Senatoro:* Dankon! (Paŭzeto.) Mi tre volus vin helpi. (Paŭzeto.) Bedaŭrinde, kio estas vera, tio estas vera.

*Lizzie* (malgaje): Bedaŭrinde.

*Senatoro:* Kaj estas vero, ke la negro vin ne perfortis.

*Lizzie* (kiel pli supre): Bedaŭrinde.

*Senatoro:* Bedaŭrinde. (Paŭzo.) Komprенeble, ĉi tie temas pri pli alta vero.

*Lizzie* (ne komprenas): Pli alta...

*Senatoro:* Jes, mi komprenas tiel, ke pri la vero de la popolo.

*Lizzie:* Ĉu do ne tio estas la vero, ke...

*Senatoro:* Nu jes, tio estas la vero. Tamen... la vero havas diversajn specojn.

*Lizzie:* Vi opinias, ke la negro faris al mi perforton?

*Senatoro:* Ne, perforton li ne faris. El certa vidpunkto li ne faris perforton kontraŭ vi. Tamen, vi scias, mi jam estas maljuna, multe mi travivis, ofte mi eraris, kaj nun jam, de kelkaj jaroj, mi eraras malpli ofte. Kaj pri ĉi tiu tuta afero mi havas opinion alian ol vi.

*Lizzie:* Kio estas via opinio?

*Senatoro:* Kiel mi klarigu ĝin? Aŭskultu

---

sumon), kaj mi diris al mi: «Ĉu estas eble, ke tiu ĉi abomenindaĵo portos al mi feliĉon?»

Teniloj estis fiksitaj al la du flankoj de la kaĝo. Du fortaj dervIŝoj kaptis ilin kaj gaje forportis la kaĝon. Atinginte en mian proksimon, la Viŝap-serpento subite levis la kapon, ĵetis al mi penetran rigardon kaj moviĝis, kvazaŭ ĝi volus eliri el la kaĝo. Ĉu ĝi divenis, ke ĉio ĉi venis de mi?... Kaj simile al la perdriko en la puto, mi ne kapablis moviĝi, la serpento mezuris min per kolera rigardo kaj kraĉis al mi en la vizaĝon! Ĝi ŝajnis diri: «Malbenita senkredulo, ĉu tiamaniere vi repagis miajn bonfarojn?»

Nenion plu mi rememoras. Mi vagadis dum pluraj monatoj kiel frenezulo. La Viŝap-serpento persekutis min tage kaj nokte.

Kraĉo de serpento, ĝi estas veneno, ĝi venenis min. Vundo aperiĝis, mia vango komencis iom post iom putriĝi kaj la ostoj nudiĝis...

Uzun Sulejman eksilentis, post kiam li ellasis fum-nubojn el sia pipo, poste li diris kun malespera vizaĝo:

— Jen la tuta historio! Mi ricevis, kion mi meritis. La tuta kulpo estas mia, la serpento estas vere pli nobla ol mi, kiu estas senkredulo!

El la armena: *L. Skil.*

do. Imagu, ke subite aperus antaŭ vi la amerika nacio. Kion ĝi dirus al vi?

*Lizzie:* Mi ne kredas, ke ĝi havus ion por diri.

*Senatoro:* Ĉu vi estas komunisto?

*Lizzie:* Dio gardu! Tute ne!

*Senatoro:* Tiel do ĝi certe havus multe por diri al vi. Jene ĝi parolus: «Lizzie, vi trafis en tian situacion, ke vi devas elekti inter miaj du filoj. Unu el la du devas malaperi. Kion oni faras en tia situacio? Oni konservas la pli bonan. Ni elektu do, kiu estas la pli bona? Ĉu ne?»

*Lizzie:* Jes. — Ho, pardonu, al mi ŝajnis, ke vi al mi parolis.

*Senatoro:* Mi parolas nur en Gia nomo. (Li komencas ree:) «Lizzie, kiom taŭgas tiu negro, kiun vi protektas? Hazarde li venis en la mondon, Dio scias, kie. Mi edukis lin, kaj kiel li dankas min por tio? Neniel. Li vegetas, ŝtelas, aŭ kantaĉas, por ke li povu por si aĉeti kelkajn ĉifonojn. Ankaŭ li estas mia filo, kaj mi amas lin same kiel la ceterajn. Sed mi demandas vin: ĉu homa vivo estas tio? Se li mortus, tion mi eĉ ne rimarkus.»

*Lizzie:* Kiel bele vi parolas, sinjoro senatoro.

*Senatoro* (kun katenanta forto): «Kaj la alia, tiu Thomas, mortigis negron; tre malbone li agis. Sed mi bezonas tiun knabon. Li estas centprocenta amerikano, ido de unu el la plej malnovaj familioj: li elstudis la Harward-universitaton, nun li estas oficiro — kaj oficirojn mi bezonas ja — dumil laboristoj laboras en lia fabriko, kaj se li mortus, dumil homoj fariĝus senlaboraj. Vera gvidanta individuo li estas, firma defendbastiono kontraŭ la komunismo, socialismo kaj la judoj. Tiu filo devas vivi, vi devas lin gardi por la vivo. Jen la tuto. Kaj nun, elektu!»

*Lizzie:* Kiel bele vi parolas.

*Senatoro:* Elektu!

*Lizzie* (saltleviĝas): Kion vi volas? Jes ja... (Paŭzo.) Vi tute min konfuzis, mi eĉ ne scias, kie estas mia kapo.

*Senatoro:* Rigardu en miajn okulojn, Lizzie. Ĉu vi fidas je mi?

Lizzie: Jes, sinjoro senatoro.

*Senatoro:* Ĉu vi supozas pri mi, ke mi volas vin persvadi je io malbona?

*Lizzie:* Ne, sinjoro senatoro.

*Senatoro:* Do, subskribu! Jen mia plumo.

# La vino de l' ĉifonistoj

## — Ch. Baudelaire —

Ofte, ĉe l' ruĝa lumo de la lanterno strata
Kun ventbatata flamo kaj vitro turmentata,
Ĉe l' kor' de l' pra-suburbo, ĉi labirinto kota,
Kie la homoj svarmas en fermentaj' eksploda,

Ni vidas ĉifoniston; balancas li la kapon;
Stumblas; al muroj, kiel poeto donas frapon,
Kaj ne zorgante pri la spionoj, liaj sklavoj,
Elverŝas sian koron en glor-projektaj ravoj.

Li faras ĵuron, diktas la leĝojn plej sublimajn,
Subpremas la malicajn, relevas la viktimajn;
Sub firmamento, kiel sub baldakeno ŝirma,
Li miras pri l' brilego de sia virto firma.

Jes, tiuj homoj ŝvite klopodaj por viv-teno,
Premataj de la aĝo, muelitaj de la peno,
Serĉantaj tiujn rubojn spin-flekse, lumb-kontuze,
Kiujn Pariz' enorma vomas el si konfuze.

Revenas, parfumitaj de odoro de bareloj,
Kun la kompanoj, kiuj griziĝis en kvereloj,
Kies lipharoj kiel maljuna flago pendas.
— Standardoj, floroj, arkoj triumfaj jam etendas.

Al ili la solenon de sia fe-magio!
Kaj en la surdiganta kaj luma fest-orgio
De l' sun', fanfaroj, krioj, tambur' de regimentoj
Alportas ili gloron al am-ebriaj gentoj!

Tra la Homar' frivola, tiel, en flu' sen-diga
Ruladas sian oron la vin', Paktol' blindiga,
Ĝi kantas siajn agojn per gorĝo de la homoj,
Kaj kiel veraj reĝoj, regnas per siaj donoj.

Por la enlul' de l' pigro, dronigo de l' lamento
De ĉiuj malbenitoj mortantaj en silento,
Dio, pentante, kreis la dormon, ĉi azilon;
La hom' aldonis Vinon, la sanktan suno-filon!

El la franca: *G. Waringhien.*

*Lizzie:* Ĉu vi kredas, ke ŝi estos kontenta pri mi?

*Senatoro:* Kiu?

*Lizzie:* La fratino de sinjoro senatoro.

*Senatoro:* Tiel ŝi amos vin el la malproksimo, kvazaŭ vi estus ŝia filino.

Raymond Schwartz

# Pli-malpli eksakse!

Rigardante malantaŭen,
ni komprenas, ke ni jus
vivis en frenezo aŭ en
nigra centro de rebus',
kaj sufiĉas — por difini
sencon de l' epok-spirit' —
pensi, ke eĉ Mussolini
antaŭnomis sin — Benit'!!

Tio estis la unua
mensogajo de l' sistem',
kaj trompado kontinua
estis sekvo de blasfem'!
Fine oni por evito
de pli longa miskompren',
faris lin — «karabenito»
per venĝanta karaben'!

*

Oni longe restis surda
pri l' unua helpokri'
post terorkomenco murda
en freneza Hitleri',
kaj eĉ, kiam pri fi-agoj
ekster kadro de l' milit'
famo venis el stalagoj,
ĝin ni kredis — stalagmit'!

Kiam Goebbels fanfaronis
pri V-1, -2 kaj -3,
mi suspektis, ke li konis
la daŭrigon de l' seri'.
Tion kredi vi ne volis,
sed konfesu kun humil':
Kiam li radi-parolis,
ĉu ne estis jam V-1000???

Oni mokis rídgrimace
pri l' japanoj pro reĝim',
kies Tenno sin aŭdace
diris dio-sinonim'!
Sed neniu plu ridetas,
eĉ en klera societ',
ĉar nun ankaŭ ni vegetas
sub reĝimo de — diet'!

La germanoj nun forjetas
restojn de l' Nazi-infekt'
kaj disŝiras aŭ distretas
Hitlerbildojn sen respekt'.
Ili faras tion brue,
kun kutima maldiskret',
sed — komprenis tro malfrue
tutan sencon de «por tret'!»

---

*Lizzie:* Eble ŝi sendos eĉ florojn?

*Senatoro:* Tre povas esti.

*Lizzie:* Aŭ sian portreton kun kelklinia subskribo?

*Senatoro:* Ankaŭ tio povas okazi.

*Lizzie:* Mi pendigos ĝin sur la muro. (Paŭzo. Ekscitite ŝi iradas tien-reen.) Kia afero! (Repaŝas al la senatoro:) Kaj se mi subskribos, kio okazos al la negro?

*Senatoro:* Al la negro? Eh! (Li metas la manon sur ŝian ŝultron:) Se vi subskribos, la tuta urbo vin fermos en la koron. La tuta urbo. Ĉiuj patrinoj.

*Lizzie:* Sed...

*Senatoro:* Ĉu vi opinias, ke la tuta urbo povas erari? Tuta urbo, kun siaj katolikaj kaj protestantaj pastroj, kun siaj kuracistoj, advokatoj, artistoj, urbestro, urbkonsilantoj, bonfaraj societoj? Ĉu vi opinias?

*Lizzie:* Ne. Ne. Ne.

*Senatoro:* Donu vian manon. (Li kondukas ŝian manon.) Estas prete. Mi dankas vin en la nomo de mia fratino kaj de mia kuzo, en la nomo de la deksepmil blankuloj de nia urbo, kaj en la nomo de la amerika nacio, kiun nun mi ĉi tie reprezentas. Vian frunton! (Li kisas al ŝi la frunton.) Ni iru, knaboj. (Al Lizzie:) Vespere mi revenos, ni havos ankoraŭ ion por priparoli. (Li eliras.)

*Fred* (elirante): Adiaŭ, Lizzie.

*Lizzie:* Adiaŭ. (La viroj eliras, ŝi restas tie kuntiriĝinte, poste ŝi kuras al la pordo.) Sinjoro Senatoro! Sinjoro Senatoro! Mi ne volas! Disŝiru tiun paperon! Sinjoro Senatoro! (Ŝi revenas al la muro, mekanike ŝi prenas la har-sekigilon.) La amerika nacio! (Ŝi ekfunkciigas la aparaton.) Mia sento estas, ke oni min prifriponis. (Furioze ŝi sekigas siajn harojn.)

*Kurteno.*

# La insulkonstruantoj

— Paulo Balkányi —

Vizitante esperantiston apenaŭ konatan, ne multe funkciantan, sed honestan adepton de nia lingvo, mi interparolis kun li pri la problemoj de nia movado. Ni konsentis, ke granda fortostreĉo necesas ankoraŭ, indiferenteco kaj malhelpemo regas — ofte eĉ inter la esperantistoj mem. Precipe la ĉiutagaj zorgoj, la ekonomiaj cirkonstancoj, la multflanka profesia okupiteco, la necesaj partoprenoj en aliaj movadoj malhelpas al multaj la energian partoprenon en la esperantista vivo.

«Jen ankaŭ vi mem ne estas videbla en la movado!» — mi diris al li — «Ĉu vi ne sentas, ke vi tamen devus fari ion. Mi eĉ estas certa, ke vi faras ion. Malkaŝu al mi, kio estas via kunhelpo. Mi ne povas kredi, konante vin, ke vi ne farus ian, eĉ se nur etan laboron.»

«Vi pravas,» li respondis — «mi estas konscia esperantisto kaj ne pro indiferenteco mi ne kunlaboras publike kaj aktive, sed — vi ja bone scias — pro miaj familiaj kaj profesiaj cirkonstancoj. Mi estas sennoma soldato, mi aliĝas laŭeble al societoj, membriĝis al IEL, kaj mi sentas mia devo: apogi la Esperantan literaturon. Minimume tion devus fari ĉiu honesta amiko de nia lingvo — kaj Esperanto triumfus».

«Ĉu tio sufiĉas?» mi demandis, «vere tiun minimumon ĉiu povos fari. Sed eble vi troigas ke tiu solvos la problemon, alportos la triumfon. Kompreneble la unuopaj personoj povas fari multon, sed...»

«Aŭskultu!» — li interrompis min, kaj elpreninte el sia libraro verkon, li diris: «Jen kiel prezentas al ni la valoron de tia laboro la fama hungara romanverkisto Maŭrico *Jókai.*»

Li montris al mi la libron, kies titolo estas *«Kaj tamen moviĝas la tero.»*

«Vi scias, ke en tiu ĉi romantika epopea romano da la hungara reform-epoko, brava botistmajstro reprezentas tiun «sennoman hungaron», kiu estas la bazo de la hungara kulturo kaj literaturo. Li parolas foje kun verkisto-poeto kaj diris al li la jenajn vortojn. Cetere legu vi mem.»

Kaj mi legis: «Mi legis en verko de hungara scienculo, ke estas etaj bestetoj, kiuj konstruas sub la maro kaj per kies laboro leviĝas insuloj. Mi kredas je la laboro de la etaj koroloj. En ĉio, kio estiĝis — nome en la ekflorado de la nacia literaturo — ankaŭ mi havas malgrandan parton, etajon, sed tamen ion. Unu brikon, unu arbon, unu moneron. Se ie oni konstruas publikan instituton, unu tagon mi senpage laboras ĉe ĝi: se aperas nova libro, mi akiras ĝin, mi envicigas ĝin en mian bibliotekon kaj mi ĝuas ĝin: se oni devas ie doni, mi almetas mian dekum-pagon: se oni devas instigi homojn simile sensignifajn, kiel mi estas, mi ne malŝparas la vortojn... Kaj kio estas ĉio ĉi? Etajo, polvero. Sed el polveroj konsistas la piramido. Kaj se sensignifaj homoj, similaj al mi, centoj, miloj, dekmiloj, eble centmiloj!? *havos la saman* ideon: el la moneroj fariĝos trezoro, el la aplaŭdoj triumfo, el la literoj libro, el la libroj biblioteko, el la popolo nacio!»

«Kaj el Esperanto tutmonda, literatura kaj kultura lingvo!» mi aldonis kaj komprene premis lian simplan, amikan, varman manon.

# JUNA SINJORINO

— KAROLO PIĈ —

Jes, ĉiutage ŝin rigardi
kaj vidi ŝin en lana vesto,
kaj senefike, vane ardi
pri ŝi kaj ĉiu ŝia gesto...

Jes, ĉiutage ŝin okuli
kaj stulte sub rigardo ŝia
degeli, ektremadi, bruli
sen ĝojo kaj espero ĉia;

kaj velki kiel postaŭ'tuno
sub peza ŝarĝo de l' deziro,
kaj scii, ke dum ĉiu nuno
ŝin havas la alia viro...

# LIDIA ZAMENHOF

«Ya Bahá-u' l-Abhá! Cu estas iu foriganto de malfacilaĵoj krom Dio! Diru, Laŭdoj estu al Dio! Li estas Dio! Ĉiuj estas Liaj servantoj kaj ĉiuj estas kreitaj laŭ Lia ordono.»

Tio eble estis la ĝoja rekantaĵo, kiu sonoris en la koro kaj animo de Lidia Zamenhof dum ŝiaj lastaj horoj surteraj. Eble ŝi sciis, ke la momento de morto rapide alproksimiĝas. Fervora en ŝia kredo kaj neŝanceliĝa en ŝia kuraĝo, dum nepriskribeblaj suferadoj kaj persekutoj venka, ŝia spirito flugis al sia ĉiama hejmo.

La plej juna el tri infanoj, Lidia Zamenhof naskiĝis en Varsovio, Polujo, la 29-an de Januaro, 1904. Ŝiaj gepatroj estis liberpensaj judoj, kaj ili donis al siaj filo kaj filinoj bonajn edukadojn. Adam Zamenhof fariĝis la plej elstara okulspecialisto de tiu urbo; Zofia estis kuracistino; kaj Lidia ricevis sian diplomon LL. M. de la universitato de Varsovio.

Estis neeviteble, ke Lidia Zamenhof estu idealistino. Amo al la tuta homaro trapenetris la atmosferon de la Zamenhofa malluksa hejmo, kaj kune la gepatroj edukis la infanojn en la spirito de mondunueco kaj frateco. Estis komprenebla rezulto, ke, kiam ŝi ricevis sian diplomon LL. M. en 1925, Lidia decidis ne praktiki la juron, sed dediĉi sian tempon al la disvastigo kaj instruado de Esperanto. Kiel rajtigita instruistino de la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto en Hago, ŝi vojaĝis kaj instruis en multaj landoj de Eŭropo. Ŝi fariĝis la plej ŝatata instruistino de la Instituto, krom Pastro Cseh, ĝia fondinto. En Francujo, kie ŝi pasigis multan tempon, oni ameme nomis ŝin «Diino».

Estis pere de Martha Root, la flama Mano de la Afero de Dio, ke Lidia Zamenhof venis en la gregejon de Bahá'u'lláh. En Aprilo, 1926, f-ino Root estis la oficiala reprezentantino de la Bahaanoj ĉe la starigo de monumento sur la tombon de D-ro Zamenhof en Varsovio. Estas tie, ke Lidia diris al ŝi, «Ŝajnas al mi, ke Esperanto estas nur lernejo, en kiu estontaj Bahaanoj edukas sin. La Bahaa Movado estas antaŭenpaŝo, ĝi estas pli vasta.»

En la urbo Edinburgo, kie Abdu'l-Bahá faris Sian klasikan prelegon antaŭ la esperentistoj, Lidia Zamenhof ĉeestis sian unuan Bahaan kunvenon kiel kredantino. De tiam ŝia vivo estis dediĉita al duobla celo — disvastigadi la Revelacion de Bahá-u'lláh, kaj instrui Esperanton.

Post ŝia aliĝo al la Bahaa Kredo, maltrankvilaĵoj komenciĝis por Lidia. Kulpigita de kelkaj parencoj kiel «perfidantino» de la hebrea regilio, ŝi estis insultita kaj persekutita pro sia kredo je la Diunueco kaj la homfrateco. Tamen ŝi restis konstanta kaj firma antaŭ ĉiu kontraŭstaro, kaj ŝia fervoro kaj ardeco pliiĝis dum la tempopaso.

Dio korfavore donacis al Lidia multajn talentojn. Ŝia magneta ĉarmo estis senegala. Ŝi estis denaska instruistino kaj prelegistino, kaj ŝia kapableco kiel tradukistino estis nesuperebla. Frue en sia kariero ŝi esperantigis la konatan verkon de Sienkiewicz, «Quo Vadis?», «Iridiono»n de la klasika pola aŭtoro Krasinski kaj kelkajn novelojn de B. Prus. Kiam ŝi alprenis la religion de Bahá'u'lláh, ŝi dediĉis siajn talentojn entute al la Bahaa Afero. Multaj el ŝiaj inspiraj artikoloj estis publikigitaj en Esperantaj kaj anglalingvaj gazetoj tutmondaj. Ŝi tradukis en la polan lingvon la librojn: «Bahá'u'lláh kaj la Nova Epoko» kaj «Kaŝitaj Vortoj».

En 1937, laŭ peto de Shoghi Effendi, la Nacia Spirita Konsilantaro de Usono kaj Kanado invitis Lidian Zamenhof viziti Usonon. Ŝi alvenis la 29-an de Septembro, kaj la 2-an de Oktobro ŝi komencis sian unuan Esperanto-klason en Ameriko. En kunlaboro kun la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko, ŝi kondukis Cseh-metodajn kursojn en la jenaj urboj New-York, Philadelphia, Detroit, Lima, Eliot, Cleveland.

Ŝi ankaŭ preligis per radio, kaj antaŭ kunvenoj en kolegioj, preĝejoj, kaj aliaj kulturaj kaj sociaj grupoj, en la jenaj lokoj: Baltimore, Washington, Ann Arbor, Roseville, Marysville, Flint, Chicago, Urbana, Maywood, kaj Boston.

Entute ŝi persone interrilatis kun ĉirkaŭ 1500 personoj dum sia mallonga resto en Usono. Tiamaniere estis faritaj multe pli da kontaktoj por la Kredo de Bahá'u'lláh. Unu el la elstaraj rezultoj de ŝia vizito estis, ke amerika Baha-

anino entreprenis la Esperantan tradukon de «Dawn-Breakres» (Herooj de la Nova Tagiĝo).

Vivi konstante antaŭ la publiko estis sinofero por Lidia Zamenhof, ĉar ŝi estis sinretirema, kaj amis esti sola. Ŝia vizaĝo en ripozo portis tiun esprimon de malĝojo, kiu fariĝis eco de la izraelida vizaĝo dum jarcentoj de persekutado. Sed kiam estis menciita la nomo de Bahá'u'lláh, aŭ la nomo de la lingvo elpensita de ŝia patro, kvazaŭ mirakle ŝia tuta personeco aliiĝis: kun brilantaj okuloj kaj vibra voĉo ŝi komencis diskutojn aŭ rakontis pri siaj travivajoj en sia agadkampo.

La 28-an de Novembro 1938, Lidia Zamenhof reiris en sian patrujon. Minacis la ekmilito, kaj ŝia amema koro sopiris esti kun siaj gefratoj en horo de malfacilo.

En sia lasta letero, datumita la 18-an de aŭgusto 1939, Lidia Zamenhof priskribis siajn planojn ĉeesti la Naŭan Esperanto-Kongreson de Lwow en Septembro, kaj poste iri en Nederlandon dum kelkaj semajnoj. Nek la Kongreso, nek la vojaĝo iam okazis, ĉar Polujo estis invadita du tagojn post ricevo de la letero. Post tio, nur nerekte ni povis aŭdi, de ŝi, spite de penoj de la Internacia Ruĝa Kruco. Unue ŝi kaj ŝia familio, kune kun ĉiuj aliaj judoj de Varsovio, estis amasigitaj en la hebreejon. En 1942, la familio Zamenhof estis kondukita al koncentrejo. Antaŭ ĉi tio, ĉiuj profesiaj judoj de Varsovio estis mortpafitaj. Inter ili estis ŝia frato, d-ro Adam Zamenhof. En Aŭgusto 1944 d-ino Zofia Zamenhof estis mortpafita. Kelkajn tagojn poste, precize dekok jarojn post kiam ŝi ĉeestis sian unuan Bahaan kunvenon, Lidia Zamenhof, kune kun multaj aliaj judoj, estis cindrigita en la juda mortigejo en Treblinka, proksime al Varsovio.

Ĝis la fino de sia vivo Lidia Zamenhof restis heroino, ĉiam pensema pri la bonfarto kaj sekureco de aliaj. Kiam evidentiĝis, ke pereos la enloĝantoj de la hebreejo, la nejudaj geesperantistoj de Varsovio proksimiĝis al ŝi kun proponoj kaŝi ŝin de la invadintoj. Ŝi rifuzis, ĉar ŝi deziris resti kun sia familio. Krome, ŝi diris: perforta morto estas la puno por tiuj, kiuj kaŝas judojn, kaj ŝi ne volus endanĝerigi la vivojn de siaj amataj esperantistaj geamikoj. Tiamaniere ŝi mortis.

Pri ŝia trofrua kaj tragedia morto pastro Andreo Caeh skribis, la 7-an de Februaro 1946:

«Ho, nia kompatinda, kara Lidia! Laŭ informoj, ricevitaj, ŝi havis teruran morton. Kiel Dio iam punos la kulpulojn? Ilia krimo vere superas ĉiun ĝisnunan konatan mezuron.»

Kiam ni memoras la sinoferon, la persiston, la sindonon kaj ameman servadon de Lidia Zamenhof en ŝiaj fervoregaj kaj senlacaj penoj en la Vojo de Dio, ni povas nur pensi pri la vortoj revelaciitaj de Bahá'u'lláh:

«Benita estas tiu, kiu direktis sin al Vi, kaj rapidis atingi la Fonton de la lumoj de Via vizaĝo.»

*Rŭan U. Orloff.*

# MOZART INTER LA ARBOJ

— L. TÁRKONY —

La ĝarden' eksilentas
la aero
de l' somervespero
gustas miele,
ekatentas
la amaso milorele.

Nun ekŝvebas sur fragilaj papili-flugiloj
la vitro-voĉo de l' violono.
Haltas la spiroj.

Ho, la milsopira homo!

Estas ĉi tie belaj, estas ĉi tie turpaj
kaj gajaj kaj tristaj kaj bonaj kaj kulpaj,
paroj amantaj, amikaj,
patroj kun filoj, soluloj stoikaj,
homoj kurbŝultraj
pro zorgoj multaj
kaj animoj sapvezikaj,
koroj, kiujn cindrigis la flamo
de malespera amo,
oreloj junaj, kiuj ĉe l'pordo de l'mirakloj embuskas,
animoj, en kiuj mortantaj sunoj krepuskas.

La violono kun arĝentaj sonoroj
inter la arboj tuŝas al koroj
kaj de kor' al koro, de arbo al arbo
flugas la voĉo mirakla de l' harpo.

Ho milkapa, unukora amaso!
kiel sonore parolas via muto,
kiel sankta estas via ekstazo
en tiu ĉi bela, unika minuto!

# Izrael Lejzerowicz

Georgo Verda

Kiam mi pense profundiĝas en la pasintecon de la Esperanta movado, kaj revokas antaŭ miaj spiritaj okuloj la bildojn de tiuj, kun kiuj mi kunlaboris aŭ batalis por nia komuna afero, inter la karaj portretoj, paliĝintaj jam pro la jaroj kaj travivajoj, frunte elŝoviĝas la ĉirkaŭita de ia brila nimbo tiu de Izrael Lejzerowicz.

Ni konatiĝis antaŭ multaj jaroj en iu konferenco de pollandaj esperantistoj. De tiu tempo nin ligis vera amikeco, kreskanta kun jaroj. Mi memoras longajn diskutojn kun li pri la estonteco de nia movado ie en kafejo aŭ dum noktaj promenadoj sur stratoj de Varsovio. Kaj se hazarde aŭ dum kongreso aŭ konferenco ĉeestis ankaŭ samideano Jakub Sapiro (Joŝo) tiam niaj babiladoj, diskutoj, rememoroj daŭris ĝis la malfrua horo.

Lejzerowicz estis organe kunligita kun la Esperanta movado. Li ne nur alte ŝatis la praktikan valoron de Esperanto, sed sciis kompreni ankaŭ ĝian animon — la ideon. Li jam de longe komprenis, ke neŭtraleco, kie hitlerano kaj demokrato fosus la komunan sulkon, estas absurda. Mi bone memoras, kiam en la Tutpollanda Esperanta Kongreso en jaro 1933, okazinta en la varsovia urbdomo, li arde pruvis en la diskuto pri la kongreso okazonta en Kolonjo, ke hitlerismo estas malamiko de Esperanto kaj neniaj artifikajoj de la germanaj esperantistoj helpos kontraŭ tio. Evidentiĝis, ke li estis prava!

Brila oratoro, eminenta publicisto, talenta ĵurnalisto, li konsekvence pledis por la demokratigo de nia movado, kies fidela apostolo li estis.

Venis la milito. Germanaj trupoj estis okupontaj la urbon Lódz, kie Lejzerowicz loĝis. Li kun sia familio rifuĝis en Varsovion Survoje lin kaj multajn aliajn fuĝintojn la germanoj prenis en iun tendaron aŭ koncentrejon apud Krakovo. Tie li pasigis kelkajn monatojn, sed de tie li sukcesis sin savi.

En la varsovia geto, ĉirkaŭata de altaj muroj kun pikdrato, kaj severe gardata, kie ĉiutage mortis pro malsato kaj malsano centoj da homoj, li ne perdis sian optimismon.

Mi memoras la konspiracian Zamenhoffesteton, kiun ankaŭ li partoprenis. Lia parolado, kiel kutime, estis impresa, profundsenta, malgraŭ ĉio li kredis la triumfon de Homo, ke venkos la historia justeco.

Li neniam ĉesis esti esperantisto. En la teruraj kondiĉoj de geto li komencis traduki Esperanten la romantikan poemon «Konrad Wallenrod» de la nacia pola poeto Adamo Mickiewizc.

Li verkis ankaŭ romanon en la juda lingvo (la titolon bedaŭrinde mi forgesis) pri la juda familio antaŭ kaj dum la milito (vivo en Lódz kaj varsovia geto).

Lastan fojon mi renkontiĝis kun Lejzerowicz sur strato, kiam la germanoj komencis sian homĉasadon dum la unua likvido de la varsovia geto, en julio-aŭgusto 1942. Li diris al mi, ke li aliĝis kiel laboristo al ia germana entrepreno. Poste mi hazarde eksciis, ke la germanaj banditoj trenis lian filineton, edzinon kaj lin, ĉiun aparte, en vagonarojn, direktitajn al la murdejo Treblinki, kie dek gaskameroj senĉese gasumis milionojn da homoj.

La neforgesebla amiko Lejzerowicz dividis la teruran sorton de milionoj da viktimoj el la juda popolo, kies bona filo li ĉiam estis.

*Isaj Dratwer*

# Ho, belas viv'!

Abunde sentis mi la sortovipojn
En mia viv', kaj rare ridis mi.
Tro ofte dornoj koron pikis, lipojn
Kurbigis la dolora konvulsi'.

Malriĉis flore mia primavero,
Dezerte sekas la somera nun'.
Kaj ĉu post ĉio restas eĉ espero,
Ke sukajn fruktojn portos la aŭtun'?

Kaj tamen al mi karas miaj tagoj,
Kaj time pensas mi pri l'nepra fin'.
Ho, estas dolĉ' en plej turmentaj plagoj!
Ho, belas viv', mi arde amas ĝin!

*Bojidar Vančik*

# EMBA: EN EKZILO

*(Originalaj poemoj. 60 paĝoj. Eldonis Literatura Mondo.)*

La aŭtoro de *Maria kaj la Grupo* prezentas ĉi tie siajn lirikajn poemojn. Kaj ni devas konstati, ke la lirikisto neniom postrestas al la romanverkisto. *Emba* estas vera lirikisto: en siaj versoj li konfesas sian vivon. Ĝi tiu vivo ekfloris en malriĉa ĉirkaŭaĵo, tamen bela en la okuloj de la infano:

«Tre malvastis tiam mia mondo,
Staris la kastel' en ĝia mez',
Ĝi finiĝis trans la kamp' ĉe monto
Kie bovoj kuŝis dum tagmez'.

Ĉio estis bela, eĉ kabano
Trans la ombra parko de l' kastel',
El kabanfenestro, mi, infano,
Mire gapis al vespera stel'.

Ŝajne vivis mi en mondo paca,
Nur pri tio miris sen kompren',
Kial sur vizaĝ' de l' patro laca
Sidas ĉiam muta malseren'?»

Aŭ pri la hejmaj zorgoj:

«Sed kiam venis la mateno,
Simile al grandega sorg',
El sola trunko kun mil branĉoj,
Denove kreskis, jen, la zorg'.»

Kaj kiel naiva kaj ĉarma estas la pripentro de la unua amo, kiu aperas la okulojn por ekvidi la belecon de la kampaj kaj knabinaj floroj:

«En radioj
De la sunsubir'
Sur herbeja verd' senfina
Dum fabelo de l' zefir'
Sur floroj promenis
La eta Katerina.

Ruĝe flamis
Larĝa nubo-rand',
Ruĝrubanda bant'
Ardis mont' en fora fono;
Mirakle flirtetis
Ĉe ŝia blanka zono.»

Kaj la melankolia fino, la

*ADIAŬO*

Kiam mi revenos,
Jam nebulos la aŭtun',
Super flavaj kampoj
Palos la langvora sun',
Sed en niaj koroj
Eble ĉe l' renkonta hor'
Ree ekburĝonos
Ĉiu forvelkinta flor'.

Sed ŝanĝiĝas la bildo, la ciklo «En Ekzilo» komenciĝas per klasike konciza pripentro de la teda, griza ĉiutago de la vivo:

*TAGO EL MIA VIVO*

Dum nokto: miloj da kandeloj,
Sopiraj sonĝoj... s'eloj... steloj...

Matene: kuro post Fortuno,
Esperoj novaj — nova suno.

Kaj tage: ŝvito... vana ago;
Trompiĝoj novaj — nova tago.

Jen mortis nova vivespero,
Mi sidas stulte en vespero.

La poemo «Mia Patrino» per tragika simplo pripentras la patrinon, kiun rompis kaj kadukigis la laboro kaj la mizero. Kortuŝe ekveas la poeto:

«Ho, mi volus tutan mondon
Per giganta sku' detrui,
Por ankoraŭ unu fojon
Ŝian sunan ridon ĝui.»

La «Eterna Lulkanto» priploras la morton de lia fileto en neforgeseble belaj, simplaj versoj:

«Jam pli bone por vi
En la prasilent'
Poreterne dormi
Pace en kontent',
Sen malsato,
  Sortobato...
En la tomb'-lulilo,
En trankvilo,
Sub la floroj,
  For de ploroj
Dormu kara, mia filo!»

Eta ĉefverko estas *La Kanto de la Violo*, kiu alportas la printempon kaj amon al lia koro post la longa, frosta vintro kaj kiu dum la kisado de la aliaj devas fini sian mallongan vivon per velkado ensola.

La socialisto ekparolas en la spitaj, optimismaj, luktopretaj strofoj de «En nokta horo»:

«En prema nigra nokta horo
Eĉ morton spitas mia koro,
Dum sankta fajro flamojn plektas,
La lastajn fortojn mi kolektas:
Atendas mi en vest-ĉifonoj
La Majon de la milionoj!»

La aŭtuno de la naturo kaj la aŭtuna grizo de la ĉirkaŭanta mondo premas la poeton en la poemo «Al la hirundo» kaj atendas la printempan revenon de la birdo por flugi kun ĝi de la tero barbara al la ĉielo senbara, kie

«Esperflamoj en mi brulos,
Kaj sen limo kaj sen temp'
Min per sankta trompo lulos
La mensogo de l' printemp'!»

«Demando», «Antaŭ la spegulo», «Majo» jen elegie, jen negante, luktante temas pri la forpaso de la juneco.

En la tria kaj lasta ciklo «Al nova Majo» kun ĉiam pli kaj pli reliefiĝaj konturoj prezentiĝas antaŭ ni la socialista poeto. Ni pensu nur pri la humoraj-sarkasmaj strofoj de «Sur la granda paŝtejo» aŭ la kompate kunsentaj versoj de «Al la knabino kun pala vizaĝo», aŭ ni memoru la amaran, brutale sinceran poemon «Al pluvego»:

«Ne vera uragan' vi estas,
Nur sensignifa gut' por tero...
Vi vane lavas for la polvon,
Se restas plu mizero.

For vin! kaj venu kataklismo,
Ĝi faru la teruran draŝon,
Forlavu kun la polv' mizeron,
La ĉefan malpurajon!»

Ni adiaŭu la volumon de Emba per la poemo «La amatoj de l' stelo», verkita per potenca fantazio kaj, en la tempo de la aperigo, per neĉiutaga aŭdaco:

Kun ĉiuj mil doloroj de l' infero
Baraktas ni en marĉoj de la tero:
Piedojn akre tranĉas fera bot',
Kaj ŝultre mil malbenoj premas
Nin al la senmezura kot'.

Ĉi koton ni eterne knedas, plugas,
En altojn nur la kaŝaj pensoj flugas,
Sed tra milionmejla noktmalhel'
Ja tamen, tamen serĉas nin, terbulojn,
El sia alta tron' la stel'.

*Ludoviko Tárkony*

# La vesperkrepusko

## — Ch. Baudelaire —

Jen la vespero ĉarma, amiko de l' krimulo;
Komplice ĝi alvenas, lup-paŝe. La ĉielmuro
Fermiĝas malrapide kiel alkov' giganta,
La homo senpacienca ŝanĝiĝas best' rabanta.

Vesper', vesper' aminda, deziro kaj allogo
De ĉiu, kies brakoj asertus sen mensogo:
Hodiaŭ ni laboris! — Ja kvieton vi alportas
Al la spiritoj, kiujn dolor' sovaĝa mordas,
Al sçiencul' obstina, pezfrunta de medito,
Al laborist' lac-kurba, kiun atendas lito.

En la aer' demonoj venenaj, dormo-lacaj
Dume vekiĝas peze, kiel vendistoj placaj,
Frapiĝas fluge al la tegmentoj, ŝutro-latoj.
Laŭ ventoturmentaj lamplumoj, en la stratoj,
Jen, jam la Prostituo ekbrulas kaj alarme,
Kiel la formikejo, apertas pordojn svarme;
Ĝi, embuskante ĉie, glitas sur voj' sekreta,
Kiel la malamiko inside pugni preta;
Ĝi tiel moviĝadas en kota urb-interno,
Kiel en hom-intestoj la manĝo-raba vermo.
Aŭdiĝas jam kraketoj el kuirej-fenestroj,
Murmuro de teatroj, jelpado de orkestroj;
Drinkejojn, kie estas kartludoj la ĉefdistroj,
Plenigas gekomplicoj: putinoj kaj trompistoj.
Ŝtelistoj, ne sciantaj ripozi kaj trankvili,
Komencos baldaŭ sian laboron, ankaŭ ili,
Kaj pordojn, kasojn milde perfortos jam, por festi
Kelktagan vivon gloran, kaj l' amatinojn vesti.

Animo, enpensiĝu en tia grava horo,
Kaj la orelojn fermu de ĉi muĝanta horo,
Ja ĉe la malsanuloj nun la dolor' kulminas!
La Nokt' obskura ilin gorĝpremas; ili finas
Destinon sian, marŝas al la komuna tombo;
Plenigas hospitalojn per ĝemoj. Granda nombro
Ne iros plu por serĉo de sia sup' aroma
Apud anim' amata, ĉe vesperfajro doma.

Plejparto ja, neniam konante, preterdrivis
La dolĉon de la hejmo, kaj eĉ neniam vivis!

El la franca: *K. Kalocsay*

# RECENZO

*LUD. KÖKENY: POPULARA LERNOLIBRO DE ESPERANTO.* (Internacia gramatiko por komencantoj. Eld: Literatura Mondo, 1947. 20×14.5 cm. 64 p. Prezo: 0.50 USA dolaro + sendkostoj.)

Tradukmetoda lernolibro, t. e. libro, kies ekirpunkto estas la nacia lingvo de la studanto, kaj tia libro en nura Esperanto! Ĉu tio ne estas kontraŭdiro, oni demandas sin mem antaŭ ol oni komencus legi la libron. Sed eklegante ĝin, oni venas al la mallongaj legaĵoj (kiuj kun multaj demandoj donas la materialon de la libro), kaj subite oni bonhumoriĝas pro la sereniga kaj ironia maniero de la aŭtoro. Jen frazoj el la unuaj legaĵoj. «La akrobato, la bankdirektoro, la futbalisto, la piloto kaj la ŝoforo estas homoj. Ankaŭ la ministro estas homo.» Aŭ alia: «Ĉu ankaŭ en domoj loĝas azenoj?» Kaj jen klariĝas la esenco de la libro kaj kune kun la praktikaj temoj kaj vortoj oni pli kaj pli ĝuas la agrablan kaj facilan manieron de la aŭtoro, kiu en la kadro de lernolibro prezentas iaspecan sorĉadon: la lernantoj liberiĝas de la komplekso de komencanta malplivaloro, ĉar la aŭtoro donas tiajn legaĵojn, kiuj efektive kreskas grave super la kutiman kaj senpersonan ŝablonon de la lernolibroj, legaĵojn, esprimitajn tamen precize per la disponeblaj rimedoj. Estas multaj karakterizaj ekzemploj, sed mi citas nur fragmentojn el la brila ĉapitreto: *Kial ni vivas?* ... La celo de la vivo estas malnova problemo. Kial floras la floro en la florĝardeno? Kial flugas la birdo kaj ne la elefanto? ... Kial demandi, se oni ne povas respondi? Kial paroli kun homoj, kiuj ne ŝatas nin? ... Kial volas loĝi vilaĝano en urbo? Kaj kial urbano ne estas kontenta en urbo? Kial oni konstruas, se aliaj detruas? ... Kial estos junuloj maljunaj? Kial estos belaj virinoj post jaroj malbelaj? Kaj fine kial vivi, se ni devas morti? La respondo ...: ĉar vi devas ekzerci la gramatikajn formojn de la Esperanta lingvo.»

Kiel lernolibro por komencantoj, t. e. kiel sola instruilo la libro de Kökény estas nur tiam imagebla, se la kurso havas instruiston, kiu suverene regas la arton de la instruado. Tio speciale validas, ĉar la libro laŭ sia strukturo ne povas konsideri la diversajn kaj por ĉiu lingvoteritorio diferencajn malfacilaĵojn. Sed la kerno de la afero estas, ke tiu ĉi libreto kun sia praktika vortmaterialo, eleganta kaj sprita prezentado, kun klara sentigo de ia agrabla persona «kokteligo» de optimisto-pesimisto, karakterizanta la verkiston, estas ideala akompananto de komencaj kursoj, aŭ eĉ pli utile resumilo fine de la komenca kurso, kiam oni bezonas *ĝuste tiun ĉi libron*. Oni apenaŭ povus trovi por tiu celo pli konvenan helpilon, aŭ ke pli klare esprimu min: pli inteligentan.

Kelkaj rimarketoj: Anst. *kakaduo, bazeno, randevuo* estus pli rekomendinde uzi la formojn troveblajn en la Pl. V. *kakatuo, baseno, rendevuo*. *Studento* laŭ la sama fonto signifas lernanton en supera lernejo, sed la aŭtoro uzas la vorton en alia senco. *Garaĝo* estas rekomendinda neologismo. *Retikulo* ne estas internacie rekonebla vorto. *(Valizeto*, eventuale: *manpoŝo*, la lasta tamen iom groteska solvo.) *Festeno* ne estas soleno, kiel la aŭtoro kaj kun li multaj aliaj uzas la vorton, sed abunda festa manĝo ... La vorto *fruktujo* (fruktarbo) ne estas prezentinda eĉ al komencantoj. Kelkloke la uzo de *sur* estus anstataŭenda per *en*: en aeroplano, en aŭtomobilo, en koridoro, en la dua etaĝo.) Ia amuza pensglito estas trovebla sur la p. 29.: Oni diras, ke en la mezepoko vivis multaj maljunaj kaj malbelaj virinoj, kiuj flugis sur *ĉevaloj*. Se mi ne eraras, temas prefere pri balailoj.

Resumo: *ideala legolibro post (kaj dum) komencaj kursoj.*

*F. Szilágyi*

---

*LA MISTERO DE MARIA* de la Beata Louis-Marie *Grignion de Montfort*. El la franca originalo tradukis Frater Maria Wigbertus *van Zon* L. K. Eldono de «Mariaj Verkoj» de la Patroj Montfortanaj, Oirschot (Nederlando). 64 paĝa kajereto kun kovrilo. Prezo ne montrita.

Bonstila, komprenebla verketo, certe interesa por ĉiuj katolikoj, kiuj volas legi honorkanton pri Maria kaj lerni la piecon, per kio oni povas doni sin «tutege, kiel sklavon, al Maria, per ŝi al Jesuo.» La religian valoron de la verketo montras, ke ĝi aperis jam en 24 lingvoj, do Esperanto estas la 25-a lingvo pri la mistero «kiel Maria formas Jesuon en ni» kaj kiel oni povas ĝui«la dolĉan ĉeeston de la S-ta Virgulino en via interno.» La verketon varme rekomendas eklezia; estroj, kardinaloj, papoj. Kelkaj preseraroj estas korektotaj. Eble teologoj trovos necesajn la uzitajn neologismojn (mortifiki: bridi siajn pasiojn, peko mortala: peko grava, mortiga; peko veniala: peko ĉiutaga, malgranda). La belaspekta kajereto certe ne manku el la libraro de pia katoliko.

*P. B.*

*SPEGULO HOMARANA por koroj maljunaj kaj junuloj* de J. H. Erkko. Tradukis kaj eldonis *Vilho Setälä*. Onnentie 23., Helsinki-Kä, Finnlando. Esperanto-Instituto de Finnlando. 32 paĝa kajero kun bela kovrilo, bona papero, desegnoj de Akseli *Gallen-Kalleta*. Prezo 28 mk. (1.90 steloj.)

Kun ĝojo kaj arta ĝuo ni konatiĝas per tiu ĉi modela eldono — espereble la unua de pluaj similaj — kun finna poeto kaj idealisma batalanto, kies vortoj majstre interpretitaj de la «redonanto» vekis, inspiras kaj instruas ĉiujn progresemajn homojn, al kia ajn nacio li aŭ ŝi apartenu. «Serĉu la veron de l' vivo!» vokas Erkko. «Serĉu la komunan bonon; La socion suprenlevu» «Leĝon popolan defendu», «Celadu al tuthoma respubliko» jen frazoj skribitaj antaŭ jardekoj de la en 1906 mortinta batalanto por la homaj rajtoj, sonas tute freŝe por ni ankaŭ hodiaŭ! «Sankta estu la pureco kaj amata la sobreco» diras la abstineca voĉo. Kiel eho de instruoj de Jesuo ni legas: «Malfortulon vi subtenu, Malbonsortan vi konsolu», «Sekvu gvidon de la koro En la krizoj de la sorto». Kaj ankaŭ por ni esperantistoj la instruo: «Amu la patrinan lingvon», «Serĉu en komuna lingvo la animon de l' homaro.»

La senkatena traduko estas bone komprenebla. Iomete ĝenas, ke anstataŭ «de l'» Setälä uzas «del» kaj sen apostrofo, kio mankas ankaŭ ĉe la vorto «cel». Taŭga libreto por donaceto kaj por propra ĝuo. *P. B.*

---

*PREMIAJ ROMANETOJ*. Eldonita de The Esperanto Publishing Co. Ltd. 95 paĝoj.

23 rakontetoj (la titolo «romaneto» estas eraro), kiujn la eldonisto elektis kaj premiis el rakontetoj senditaj al konkurso. La celo de la libro evidento estas doni interesan, simplan leĝajon al novbakitaj esp-istoj. Ili plejparte ne superas la diletantan nivelon de la «memperfektigaj rondoj», tamen la Krizo de *Robert Mackay* kaj La Politikisto de *Henryck Minc* superas la aliajn, ili rivelas nekonstesteblan talenton al verkado. Menciindaj estas ankoraŭ La Maŝino de *L. G. Horsefield*, La Rakonto de Onklo de *Charles T. Collins*, La Leono, kiu bleketis de *Margaret E. Rose*, Tri Vulturoj de *W. H. Julian*, La Marviroj de *Peter Clissold*.

Konsidere je la celo de la libro, senriproĉa lingvo estus nepra postulajo. Bedaŭrinde koncerne tion, mi havas seriozajn riproĉojn. Jen kelkaj: sur p. 8.: «Sed kelkfoje oni ne povis tiel certa» (ne povis esti tiel certa). Sur p. 10.: «Per unu mano ŝi tenis unu de sia edzo» (unu manon de sia edzo). Sur la sama p.: «Kelkfoje, kvazaŭ ŝi timis, ke ŝiaj penoj malsukcesos. . .» (Kelkfoje, kvazaŭ timante, ke. . .). Sur p. 11: «Liaj okuloj estis malsekaj. Miaj ankaŭ.» (Ankaŭ la miaj). Sur p. 17.: «multe de» (multe da). Sur p. 26.: «Li ankaŭ estas homo» (Ankaŭ li estas homo). Sur p. 33.: «Ili kurbis siajn ŝultrojn» (li kurbigis). Sur p. 43.: «stelo, kio» (stelo, kiu). Sur la sama p.: «Kiam la profesoro finigis» (finis). Sur p. 45.: «kapti la etan muson, dum li rapidkuris» (dum ĝi rapide kuris). Sur sama p.: «Birdoj estas inteligentaj kreitoj» (kreitaĵoj). Sur p. 47.: «Kaj li solenpaŝis for inter la arboj» (kaj li forpaŝis solene inter la arboj). Sur p. 49.: «Hans Schwache posedis grandegan sciadon pri la dezerto» (scion). Sur sama p.: «la lucerno kion» (la lucerno, kiun). Sur sama p.: «en la terura mallumeco» (mallumo). Sur p. 61.: «bonamikoj» (bonaj amikoj). Sur p. 66.: «Fine la venkitaj Aŭstroj forkuris, sekvataj de Francoj kaj Sardinioj.» Mi ne kredas, ke la tuta insulo Sardinio (eĉ en plurnombro!) sekvis la aŭstrojn, verŝajne nur la sardinianoj. Kaj kial la majuskloj? Sur p. 69.: «muzikon kion» (kiun). Sur p. 70.: «maljunan Crag'n», ĉu elparolebla? eble «maljunan Crag-on» aŭ pli simple kaj pli ĝuste: «maljunan Crag». Sur p. 71.: «reiri hejmon» (hejmen).

Min iom surprizas tia oftecco de elementaraj eraroj, ĉu la eminenta eldonejo ne disponas pri kapabla reviziisto? Tiel la libro konvenas nur por dumkursa legado, sub kontrolo de lingvosperta instruisto. *L. Tárkony*

---

*KONGRESLIBRO* de Flandra Ligo Esperantista, eldonita por la XII-a Kongreso de FLE en Mecehelen la 24—26 majo 1947. 44 paĝa broŝuro, prezo 2 internaciaj respondkuponoj.

Bela, eleganta kaj riĉenhava libreto, certe necesa por ĉiu partoprenInto de la Kongreso. Sed la libro estas interesa ankaŭ por aliaj esperantistoj. La rubrikoj: Kongresa Programo kaj Mehleno, urbo de la Kongreso, prezentas interesan materialon. Kaj samtempe ĝi prezentas al ni la lertan kaj taŭgan laboradon de niaj flandraj samideanoj.

Ni ja scias, ke ne estas Esperanta libro sen poemo. Nu, ĉu mi devas diri, ke tio ne mankas ankaŭ el la Kongreslibro?

Mi legis kun «ridaj lipoj» kaj «ĝoja koro» la libreton kaj mi multe bedaŭras, ke mi mem ne povis ĉeesti por sekvi la konsilojn de «Kongresaj Directivoj». *B. B.*

# LINGVO

## PRI IO-UJO

### Respondo al s-ano Butler

Estimata samideano Butler!

Vian leteron publikigitan en la antaŭa numero de L. M. mi volus respondi punkto post punkto, esperante, ke ni povas tamen atingi kompromison en ĉi tiu delikata afero.

1. Ĉu la uzo de -IO estas ŝanĝo en la Fundamento? Laŭ mia opinio, ne. Ŝanĝo estus, se oni korektus la Fundamenton mem, anstataŭigante en ĝi per -IO la trian sencon de -UJO, aŭ se oni deklarus malĝusta la uzon de -UJO por landnomoj, se oni forigus la triasencan -UJO el ĉiuj lernolibroj kaj vortaroj.

Ni vidu, kion diras Zamenhof pri tio en la Antaŭparolo de la Fundamento:

«Se ia aŭtoritata centra institucio trovos, ke tiu aŭ alia vorto aŭ regulo en nia lingvo estas tro neoportuna, ĝi ne devos forigi aŭ ŝanĝi la diritan formon, sed ĝi povos proponi formon novan, kiun ĝi rekomendos uzadi *paralele* kun la formo malnova. Kun la tempo la formo nova iom post iom elpuŝos la malnovan, kiu fariĝos *arhaismo*, kiel ni tion ĉi vidas en ĉiu natura lingvo. Sed, prezentante parton de la Fundamento, tiuj ĉi arhaismoj neniam estos eljetitaj, sed ĉiam estas presataj en ĉiuj lernolibroj kaj vortaroj samtempe kun la formoj novaj, kaj tiamaniere... la unueco de Esperanto neniam estos rompata...»

Ĉi tio estas tio sama, kion mi skribis supre. Estas vere, ke Zamenhof parolas pri «aŭtoritata centra institucio». Sed tiam li ne povis antaŭvidi, ke la evoluo de la lingvo okazos demalsupre, per la popolo esperantista, kaj ke la L. K. havos nur la rolon de bremso en tiu evoluo. La vivo de la lingvo klare montris, ke la L. K. povas nek altrudi ion neuzatan, nek malpermesi ion vaste uzatan. La lingvo marŝas sur la vojo de la libera evoluo — tio donas al ĝi pli kaj pli grandan riĉon kaj naturecon. La L. K. komprenèble rajtas ion rekomendi aŭ malrekomendi, sed se ĝi kontraŭmetas sin al io vaste uzata ĝi simple malsukcesas. Anstataŭ «aŭtoritata centra institucio» do ni devas nun meti «la popolo esperantista».

Fakte, oni ne povas montri eĉ unu solan detaleton en la perfektiĝo kaj riĉiĝo de la lingvo, kiu devenus el centra institucio. Ĉio devenis el individuaj iniciatoj, kaj ĉiam la lingvo-uzo, do la popolo esperantista decidis pri la sorto de tiuj iniciatoj, per akcepto aŭ per ignoro. Kaj tiu popola kontrolo estas sufiĉe konservativa, por sekurigi la lingvon kontraŭ la danĝero de disfalo aŭ de revoluciaj ŝanĝoj. Tion plene pruvis la praktiko. De pluraj jardekoj daŭras tiu libera evoluo, kaj ĝi alportis nenian ŝanĝon de regulo, kaj entute nur unu novan formon, la uzon de -IO. Kaj de pli ol dudek jaroj granda parto de la esperantistoj uzas -IO, kaj el tio tute ne sekvis la enkonduko de alia nova formo. Do via diro: «farinte unu ŝanĝon, oni povas tre bone fari pluajn», evidente anoncas danĝeron pure teorian.

Resume, mi devas eldiri, ke la paralela uzo de -IO kaj -UJO minacas per nenia danĝero, kaj ke ankaŭ ne estas peko kontraŭ la Fundamento, ĉar tian uzon klare permesas la Antaŭparolo de la Fundamento mem.

2. Vi diras, ke -IO enkondukas ĥaoson en la lingvon, ĉar oni ne scias, ĉu ĝi estas sufikso aŭ ne. Mi kredas, ke ĝi estas sufikso, eĉ sufikso Zamenhofa. Estas konate, ke Zamenhof derivis per ĝi la nomon de lando el urb- aŭ rivernomo (Niĝerio, Alĝerio, Meksikio, Tunisio), kaj tiuj no_oj esta ĝenerale uzataj. Krome, kiel vi mem diras, ekzistas la vortoparoj: geografo-geografio, filozofo-filozofio, biologo-biologio ktp., ktp.; en ili -IO estas evidente sufikso, eĉ se oficiale tio ne estas ankoraŭ registrita. La sufikson -IO do ĉiuj, ankaŭ vi mem, jam uzas en du sencoj (lando kaj scienco). Pri ĝia sufikseco oni ne povas diskuti.

Sed se Niĝerio kaj Meksikio estas Niĝerlando kaj Meksiklando, kial ne povus Hungario kaj Grekio esti Hungarlando kaj Greklando? Kial oni ne povus, laŭ la permeso de la Antaŭparolo, uzi paralele kun la Fundamenta -UJO la Zamenhofan -IO ne sole post urb- kaj river-, sed ankaŭ post popolnomoj? Ja la sufikson -IO rekomendas ne nur ĝia pli granda internacieco, sed eĉ ĝia Zamenhofeco, esperanteco.

Vi diras, ke ĉiu sufikso estas uzebla memstare, kaj tio evidente ne estas ebla ĉe IO, ĉar ĉi tiu havas alian sencon. Sed ankaŭ UJO ne estas uzata memstare en la senco de lando, ĉar *ĝi havas alian sencon.*

3. Pri la malfacilo de elparolo mi metas solan demandon. Ĉu troviĝus iu en la mondo, kiu, se la landnoma -IO estus fundamenta, preferus al ĝi la sufikson UJO, pli facile prononceblan?

4. Mi volus ankoraŭ okupiĝi pri la demando, ĉu la landnoma UJO estas neoportuna, ĉar laŭ la Antaŭparolo tio estas la kriterio rajtiganta proponon de nova formo. Nu, mi kredas, tiun neoportunecon oni ne povas nei. La landnomoj estas kvazaŭ en montrofenestro, kaj ilia neinternacia aspekto estas sufiĉe okulfrapa, por veki en la eksteruloj impreson pri la nenatureco de la tuta lingvo. En la lasta numero de L. M. Waringhien skribas, ke la publiko ne interesiĝas pri lingvistikaj demandoj, kaj fakte, ĝi ne emas enprofundiĝi en «sekajn studojn», kiuj estus necesaj por la prijuĝo de la grado de lingva perfekteco. Sed en tiaj aferoj, kiuj ne necesigas specialan konon, ĝi emas kritiki, eĉ kun speciala plezuro uzas la okazon, montri sian «kompetentecon». Tie ekz-e, ĉiu hungaro scias, ke lia lando nomiĝas internacie *Hungaria*, kaj facile eldiras malbonan opinion pri la lingvo, kiu anstataŭ alpreno de tiu «natura» formo uzas vorton apenaŭ rekoneblan unuavide. Vere, se iu hungaro demandas min, kio estas la Esperanta nomo de nia lando, mi — kun iom malbona konscienco — ĉiam diras al li: Hungario. Pardonu al mi tion Dio kaj la Lingva Komitato.

# OBSERVO

## La mastrumado de detruo

A. Mierzejewski

Aperis bonega libro de Waclaw Jastrzebski, titolita «La germana mastrumado en Pollando en jaroj 1939—1944», estanta la unua sinteza bildigo de la okupadpolitiko de hitlera Germanujo. Tiu ĉi libro pruvas, ke tiu ĉi politiko estis realigo de la planoj, perfektigitaj de miljaro kaj celantaj militakiron de eŭropa oriento.

En la plibonigita kaj aktivigita de hitlerismo sistemo estis metodo, kiun realigis sur ĉiu ŝtupo la popolo obeema kaj disciplinita, kiel ankaŭ fanatika.

La aŭtoro pruvas, ke la germana popolo ne eluzis ĉiujn siajn internajn koloniigeblecojn. La germanoj urbaniĝis kaj industriiĝis. La germana terkulturado jam de longe sentis mankon da labormanoj. Procento de vilaĝa loĝantaro malpliiĝis dum Hitler de 33% je 30%. Ĉiujare por la sezonlaboroj iris Germanujon dekmiloj da poloj kaj la sola rimedo de disvolviĝo de germana eŭropa imperio estis milito por akaparo de oriento de Eŭropo, kio ja estis ĝia sola ĉefa celo.

La germana imperialismo opiniis: «Akiro de fremda havaĵo estas matura kaj necesa», — poste la «viriniĝon» oni povas forlavi nur per sango, kaj fantomon de degeneriĝo oni povas forpeli nur uzante la perforton kontraŭ pli malfortaj. Germano plenvivas nur en batalo kun pli malfortaj, pli ĝuste por ilin turmenti: nur tiamaniere li povas seniĝi de ĝermanta en li komplekso de malsupereco. Dezirante esti forta, li devas militakiri. Kaj por lin instigi al la militakiro oni devas montri al li «miraĝojn de oriento». Oriento de Eŭropo kun Ukraino estis por germanoj iaspeca «Tero Promesita». Jen koncize filozofio de Germanujo.

Sur vojo de militakiro de eŭropa oriento kuŝis Polujo. La lando kun kiu germanoj batalis de jarcentoj. La lando, kiu malgraŭ multaj malfacilaĵoj eksteraj kaj eraroj internaj kontentige disvolviĝis kaj estis esperdona. Samtempe ĝi estis lando malforta militiste. Do estis facile ĝin militakiri. Sed venkinte — oni ne povis kontentiĝi per ĝia subjugo. Necesas ĝin malfortigi. La plej ĉefa tasko de la polaj teroj en eŭropa ekonomia sistemo estis livero de malkara laboristo por germana industrio kaj terkulturo. Kaj krome — se la historio montris senefikecon de koloniigado kaj germanigado — do oni devis kastri la polan popolon.

Oni ne tro atentis la ekonomiajn raciojn, oni detruis tute senĝene la utilajn materialajn valorojn, kiujn certe oni klopodus konservi, se la celo estus alikonstruo aŭ ekspluato de ekonomia sistemo, sed ne simpla ekstermindo de la pola loĝantaro.

La loĝantaron negermanan tute evidente oni senigis de posedataj de ĝi liberoj kaj rajtoj, poste oni donis ĝin al libervolo de Gestapo kaj germanaj administrorganoj. La ĉionpovon de ĉi tiuj, neĝenitaj per juraj normoj kaj nelimigitaj por elekti la realigrimedojn akompanis daŭra jura necerteco, en kiu oni restigis la polan loĝantaron.

Havaĵon, apartenantan sur teroj «alligitaj» al poloj kaj judoj, kaj en «Generala Gubernio» al judoj, certakaze ankaŭ al poloj, oni submetis sub devigan administradon (temis pri ŝajnigo) aŭ simple konfiskis.

Hitlerismo traktis la germanan administradon en Pollando kiel punekspedicion. Sur la teroj alligitaj oni enkondukis administradon laŭ la sistemo reganta en Germanujo, sed oni ne tre ĉagreniis,

---

Ni resumu:

1. La paralela uzo de UJO kaj IO estas tute ne kontraŭ-Fundamenta, ĉar ĝi baziĝas sur permeso klare eldirita en la Antaŭparolo.
2. La sufikso -IO estas Zamenhofa en la senco de lando ĉe urb- kaj river-nomoj, kaj ĝia uzado ĉe popolnomoj estas nur plivastigo de ĝia apliko.
3. La sufikso -IO estas pli internacia ol -UJO, kaj ĉe la landnomoj tiu internacieco ŝajnas pli grava ol ĉe la aliaj elementoj de la lingvo.

Certe al ĉi tiuj tri kaŭzoj oni povas danki, ke la landnoma -IO faris nekontesteblan konkeron, dum ĉiuj aliaj novaĵoj ĝis nun havis plenan fiaskon. Kaj ĝuste tiu ĉi ununureco devus konvinki la kontraŭulojn de -IO ne nur pri ties akceptebleco, sed ankaŭ pri la sendanĝereco de ties akcepto.

Kompreneble, neniu deziras, ke la sufikson -UJO ne uzu tiuj, al kiuj ĝi estas tiel kara kaj familiara. La IO-anoj petas sole pri TOLEREMO. Ili deziras, ke oni ne enmiksu sin perforte en tiun ĉi aferon per bojkoto, per ordonoj kaj malpermesoj. Ĉar du partioj preskaŭ egalnombraj staras unu kontraŭ alia, inter ili decidu la libera uzado. Se -IO havas tiom da malavantaĝo, kiel diras ĝiaj kontraŭuloj, ĝi pereos kun la tempo. Se ĝi estas bona kaj oportuna, ĝi venkos. Ĉu tio ne estas la vere demokrata maniero solvi ĉi tiun demandon?

Nia L. M. ne povas ne alpreni ĉi tiun demokratan sintenon. Ni uzis kaj uzos la du formojn paralele laŭ la plaĉo de niaj kunlaborantoj. Neniam ni ŝanĝis kaj ŝanĝos -UJO-n je -IO, nek reciproke. Eĉ, kvankam mi havas preferon al -IO, mi mem uzas -UJO-n ne malofte, por montri mian respekton al la Fundamenta formo. Sed mi respektas ankaŭ la rajton de tiuj, kiuj per la ekskluziva uzo de -IO voĉdonas por la formo nova. Pri la sama *toleremo* ni petas ankaŭ la UJO-anojn. Tiel, post dek, aŭ post dudek, aŭ eble post cent jaroj pace, sen ekscitîgoj decidiĝos per si mem, ĉu UJO venkos, aŭ vivtenos sin apud -IO, aŭ arhaikiĝos kaj restos nur en la Fundamento kaj en la lernolibroj kaj vortaroj, kiel relikvo de la fruaj tempoj de la lingvo.

Ĉu tio ne estas kompromiso, pri kiu oni povas konsenti?

Kun amika sento kaj tre sincera pacdeziro mi restas via sa ideane: *K. Kalocsay.*

kiam tiu ĉi sistemo ne tro sukcesis kaj la apartaj aŭtoritatoj: militaristo, Gestapo, civila administrado reciproke kverelis. Ĉiuj konferencaj interdiskutoj plenumitaj estis je konto de la venkita lando — kaj ĉiuj germanoj tiris de la loĝantaro grandegajn materiajn profitojn. Germanaj firmaoj transprenis havaĵon de likviditaj entreprenoj. Juda havaĵo estis tute rabita aŭ detruita.

Pola terkulturado estis rabe ekspluatita. Bestbredantoj en Germanujo pligrandigis nombron da sia brutaro, dediĉante al konsumado bruton de venkitaj landoj, ĉefe de Polujo. Neliverado de artefaritaj sterkoj kaj terkulturaj maŝinoj malantaŭenigis la polan terkulturadon je multaj jaroj.

Estis malpermesitaj investoj. De momento de militeksplodo kun Soveta Unio estis haltigitaj nemilitaj investaĵoj eĉ en entreprenoj, transirintajn en germanajn manojn. Aĉeto de varoj flanke de germanoj laŭ oficialaj prezoj multoble pli aliaj ol liberaj prezoj ankaŭ estis rabo konfirmita de germana leĝaro.

Pago por polaj varoj laŭ germanaj prezoj estis banknotoj, cirkuligitaj sen ekonomiaj bazoj. La varojn oni vendis por senvaloraj paperaĉoj. La pola mastrumado devige partoprenis je kosto de la germana triumfo. La tuta pola mastrumado estis maksimume ekspluatita por bezonoj de la militistaro kaj Germanujo. La termastrumado devis esti kunigitaj kaj estontece donitaj al germanaj vilaĝanoj, regantaj la nemortigitajn sklavojn — polajn vilaĝanojn. Inteligentularo kaj sciencularo devis esti tute likviditaj.

Donita manĝaĵo por poloj estis 415 kalorioj potage kaj por judoj antaŭ ilia mortigo 184 kalorioj potage.

Dum sennombraj homĉasadoj oni venigis Germanujon senpagan polan laborforton. Ĝis fino de okupado laboris en Germanujo ĉ. 3,5 milionoj da polaj sklavoj, ne kalkulante centmilojn da koncentrejanoj.

La homoj devis perei ne nur ĉe la ekzekutmuro. La nombro da pola loĝantaro estis kruele malgrandigita. Krom murdo de milionoj, la militokupada senmoraleco kaj forigo de inteligentularo estis grava bato por la socio.

10 milionoj da homoj estis forigitaj de siaj loĝlokoj.

Malgraŭ ĉiuj grandegaj penadoj la okupanto ne havis tro frapajn ekonomiajn rezultojn.

Kontraŭstaro de la tuta popolo kaj venkira marŝo de la Ruĝa Armeo kaj Pola Militistaro ŝanĝis planojn de la germana invadinto.

(Prilaboris kaj tradukis *I. Dratwer.*)

---

*SFORZA PRI D'ANNUNZIO.*

Sforza, la nuna ministro de eksteraj aferoj de Italio verkis libron kun la titolo «Italio, kiel mi ĝin vidis». En unu ĉapitro de sia libro li pruvas, ke la «vera eltrovinto de la faŝismo» estas ne tiom Mussolini (kiun li rigardas multe pli sentalenta demagogo, ol ke li povu iniciati efikan spiritan movadon), kiom D'Annunzio, la granda poeto. Sforza plene rekonas la strangan kaj fatalan talenton de D'Annunzio. Fatala estis tiu talento, ĉar dank' al ĝi D'Annunzio povis direkti per Circe-voĉoj la italan popolon al fatala vojo, kaj infekti la italan junularon, ĝuste ties plej signifan intelektuan parton.

Ni vidu, kion skribas Sforza pri D'Annunzio kaj pri la respondeco de la verkisto:

«La patrujamo de la «risorgimento» tiam ŝanĝiĝis unue en malsanecan vorto-tempeston, kiam el la Abruzzoj descendis juna poeto, por konkeri Romon. Malsata je virinoj, mono kaj gloro, li renovigis la latinajn ekzaltojn de Carducci, sed al ties principoj miksis la spicon de kruelo kaj sadismo.»

«Nenio vere romana estis en lia sinteno, nur la stulta skemo:

Morti aŭ plezuri...
Plezuri aŭ morti.

Jam tiutempe li unuigis en «imperiestran kvadrigon» la rimedojn de la realigo de l' deziro: volo, fierego, voluptemo kaj instinkto.

Ĉio ĉi tute ne estis itala, sed importaĵo el eksterlando, la rebako de Julien Sorel de Stendhal. Sed D'Annunzio formis el ĝi «italan kaj romanan» kredon. Eĉ tio lin ne ĝenis, se en siaj sendube belaj poemoj li ĉerpis el eksterlandaj poemoj inter si kontraŭdiraj: el Whitman, Claudel, Dostojevskij, Barrès kaj Maeterlinck.

En 1908 oni ludis en Romo iun lian dramon, la *Nave*, kaj la gvidmotivo de la tragedio, malgraŭ sia nenidira sensenceco, iĝis la batalkrio de la itala junularo:

Arma la prora e salpa verso il mondo! (Armu la ŝipon kaj ekiru kontraŭ la mondon!)

En ĉi tiu verso estas nenio alia krom nebula deziro de konkero. Sed la studentoj, la junaj oficistoj elleĝis el ĝi la programon de la grando kaj batalo; ili komencis paroli pri pursangaj ĉevaloj, kvankam ili neniam sidis sur alia ol lulĉevalo: pri amo de princinoj, kvankam ili neniam brakumis alian, ol servistinon; pri barokaj palacoj de la deksepa centjaro, kvankam ili neniam loĝis en alia, ol monata luĉambro. Ili dronis en stranga intelekta onanismo, ludante dume aŭdacon kaj fieregon. La faŝista korupto de la intelekto tiam komenciĝis sub la ĝenerala literatura influo de D'Annunzio.

Kiam, en 1915, eksplodis la milito, D'Annunzio, kvankam jam ne juna, partoprenis en ĝi kuraĝe kaj persiste. Sed multaj dekmiloj da italaj volontuloj faris same: sole el Argentino venis kvardekmil. (En 1940 unu sola volontulo alvenis el Argentino, ankaŭ tiu baldaŭ falis en Nord-Afriko, la kompatinda!) D'Annunzio ne estis la sola heroo. Kaj li ankaŭ ne komprenis la esencon de la itala heroeco kaj patrioteco; li pensadis nur laŭ teatraj dekoraĵoj. Li ne komprenis la doloran homecon de la itala [illegible] pla homo en la batalkampoj de la Karsto kaj Alpoj. Kiom povus kompreni homo, kiu malŝatas la popolon, el la anima mondo de tiuj soldatoj, kiuj post la malvenko rezultanta el la stulto de la generaloj alvenis al la Piave kaj komencis fosi tranĉeojn antaŭ ol ricevi ordonojn por tio, kaj dentkunpreme rezistis, ĉar ilian kuraĝon difinis la amo al la naskolando, nenio alia. Ĉio, kio en

la unua mondmilito estis vere granda de itala parto, estis tro homa por tio, ke D'Annunzio ĝin komprenu.

Lia tempo alvenis ĉe la aventuro de Fiume, kaj iom pli poste. La faŝista esprim-maniero tiam naskiĝis en la baroka fantazio de D'Annunzio. Tie eksonis unuafoje la «alala», tie okazis la unua «ofero por mortintoj», tie oni aranĝis la unuan «sagra» (festo de rememoro).

En Fiume komenciĝis tiu morala infektado de la nacio, kiu uzis kiel konstantan rimedon la politikan mesogon.

Komence ankaŭ la Fiumeanojn enlogis la prestidigito. Jam antaŭe ili protestis kontraŭ la kontrakto de Londono, kiu sian urbon donis al Kroatujo. Sed Fiume, kiu volis resti itala, sciis ankaŭ tion, ke ĝi gajnos ĉion, se ĝi iĝos urbo aŭtonoma, kaj ĝiaj gvidantoj klopodis ja por tio. Nur tiam ili ĵeĵuris al D'Annunzio, kiam la «gvidanto», la unua «Duce», aranĝis sur la foirplaco de la urbo sian unuan «sagra», kaj laŭ la plena senco de la vorto li ensorĉis la loĝantaron, misuzante ties patriotan senton kaj amaron. D'Annunzio faris unuafoje magnetan efikon sur la italajn amasojn, kaj ankaŭ per tio li iĝis modelo de la faŝismo. Poste unu post la alia li skribis al mi siajn bombastajn leterojn, kies stilo jam tute similis la stilon de la posta faŝismo. El ili lernis Mussolini mem, kiel D'Annunzio li transprenis ankaŭ la «faŝon», la tutan inventaron de la oratoradoj kaj popol-konkuroj, kaj kompreneble ankaŭ la konceptojn de la «grando» kaj «patrujo», de la «romaneco» kaj «fierego».

Dum la faŝismo, poste D'Annunzio vivis ermite ĉe la bordo de la lago Garda. Mussolini estis konstante ĵaluza pri li. Li sciis, ke la faŝismon D'Annunzio ektrovis, ke D'Annunzio moligis per siaj sorĉaj vortoj la italajn animojn por la akcepto de la faŝismo. La vera «gvidanto» kaj «Duce» estis propre D'Annunzio, la italojn ankoraŭ ĉiam li influis. La poeto, kvankam li ricevis princan apanaĝon, vivis en sia izolita kastelo kiel kaptito de Mussolini. En siaj lastaj jaroj, inter intimaj amikoj li faris mordajn rimarkojn pri Mussolini, sed antaŭ la publiko li kantis pri li glorigajn himnojn, kiam tio estis al li ordonita, ĉar li timis pri sia vivo, kaj ĉar el Romo senĉese fluis al li el sekretaj fontoj la milionoj, por la kontentigo de liaj frenezaj pasioj.»

---

*PRI LA NOVA FILMO DE CHAPLIN* venis la sciigo aerpoŝte, sur arĝentaj aeroplanflugiloj (eble ankaŭ kelkaj batoj de anasflugiloj rapidigis ĝian alflugon), venis la sciigo, ke ĝi malsukcesis en New York. Oni skribas, ke Chaplin, kiun ĉiu amis en la mondo, nun ne sciis meti ordon inter la konfuzaj mondavaj pensoj kirliĝantaj en lia kapo.

Povas esti, ke «Monsieur Verdoux», la nova Chaplin-filmo, kiu uzas la historion de la Pariza amasmurdinto por senmaskigi la verajn amasmurdantojn, la sinjorojn de la milit-organiza internacia mamut kapitalo, vere ne sukcesis tre bone. Tamen, ĉu pro tio oni jam devas skribi: «kiun ĉiu amis» — en formo de estinto?

Povas esti, ke unu el la filmoj de Chaplin fiaskis. Sed pro tio devas malesperi nek ni, nek Chaplin. Ni sciis, ke arĝentflugilaj aeroplanoj kaj vastsinaj ŝipoj ekde tri jardekoj alportadas la filmojn el Ameriko. Kaj tiuj filmoj parolas al ni pri noble-profilaj heroaj gengsteroj; pri ekstere vilaj, interne noblanimaj bankieroj; pri flamglavaj kavaliroj, kiuj falĉas la malican indiĝenojn k el kampulo s kalon; pri milionuloj, kiuj en ravaj somernoktoj levas al si rekte el la polvo la maŝinskribistinojn. Kaj kelkfoje ĉi tiuj filmoj parolis pri stumblema, mallerta hometo, kiu mokas pri la malplena romantiko, pri la mensoga heroeco kaj pri la hipokrita socio. Ili parolis pri Chaplin, kiu sendis al la strikantaj viand-industriaj laboristoj de Chikago sian unumonatan enspezon, kaj kiun pro la aktiva subteno de la laborista movado sidigis sur akuz-benkon la «Esplora Komitato de Antiamerikaj Agoj». Pri Chaplin, kiu ankaŭ inter la bebvizaĝaj, sorĉfiguraj filmsteloj neniam forgesis pri la milionoj da ekspluatatoj.

Ĉi tiun Chaplin ni ekamis. Kaj se ĉi-foje li kreis eble ion malpli valoran (kio, cetere, tute ne estas tiel certa), ni scias, ke al la vojo de la vera arto lin rekondukos lia talento kaj lia kredo je la homo kaj progreso. *M. M.*

---

*NI BEZONAS LITERATUR-HISTORION*

En la jam iom granda kvanto da verkoj pri la diversaj fakoj de nia movado, kiel lingvo, organizo, historio, ktp., mankas ĝis nun detala verko pri la Esperanta literaturo.

Kiam nova adepto, kiu interesiĝas pri literaturo, deziras informiĝi pri ĝi, li povas trovi materialon en malnovaj jarkolektoj de revuoj kaj gazetoj, en la «Enciklopedio de Esperanto», en la «Bibliografio de Internacia Lingvo» de Stojan, en la verko «De paĝo al paĝo» de Totsche kaj eble ankoraŭ aliloke. Sed eĉ se la interesiĝanto sukcesas konsulti ĉi tiujn publikigaĵojn, li tamen ne estas plene kaj detale informata pri nia literaturo. Mankas speciala, pli malpli kompleta verko, kia la nacilingvaj «literatur-historioj». Estas evidente, ke priskribo de la Esperanta literaturo nek laŭamplekse, nek laŭ enhavo kaj aranĝo povas esti tute simila al la ekzistantaj nacilingvaj tiuspecaj verkoj. Por ĉi lastaj gravas ja ĉefe la originala literaturo beletra; tradukoj okupas lokon en ili nur tiom, kiom ili en la komencperiodo de la literaturo grave influis ĝian disvolviĝon. Sed Esperanto, kiu ekzistis nur 60 jarojn, estas nun ankoraŭ en tia komencperiodo kaj pro tio ĝi posedas pli da tradukoj ol originaloj. Sekve de tio gravas por ĝia literatur-historio ne nur la originalaj verkoj kaj iliaj aŭtoroj, sed ankaŭ, kaj eble eĉ pli multe, la tradukoj. Iliaj meritoj kaj mankoj estu menciitaj kun detaloj pri la tradukintoj kaj — se temas pri malpli konataj verkoj — pri ilia enhavo.

Estus dezirinde, pritrakti ankaŭ aliajn gravajn verkojn, kiuj ne

apartenas al la bela literaturo: sciencaj, religiaj, sociaj, priartaj, geografiaj, k. s., kaj eble eĉ la ĉefverkojn pri lingvo, movado, ktp. Per tio la verko estus ne literatur-historio en la ordinara senco de la vorto, sed ĝi havus por esperantistoj kroman valoron, kiel ĝenerala gvidilo tra nia literaturo.

Restas la demando, kiel oni povos laŭeble plej baldaŭ kaj plej bone efektivigi ĝian verkadon. Ĉu iu literatur-fakulo povos verki ĝin? Aŭ ĉu eble kolektivo, redekta komitato devus gvidi ĝian kreadon?

Mi povas fari nur la proponon, esperante, ke aliaj efektivigos ĝin.

*G. P. de Bruin*

---

## *FYODOR DOSTOYEVSKY*

*Fyodor Dostoyevsky* naskiĝis antaŭ 125 jaroj. Li estas unu el la plej grandaj literaturaj geniuloj de Rusujo. Lia influo je la verkistoj en ĉiuj landoj estis ne-kalkulebla. Liaj libroj provokas vehementajn kontraŭdirojn ĝis la hodiaŭa tago. Ili entenas kontraŭdirojn, sed ili estas verkoj de granda humanisto, kiu pasie celis esprimi suferojn de la homaro kaj ekveki en siaj legantoj la decidon mildigi ĝin.

Pli fruaj rusaj verkistoj kaj filozofoj instruis Dostoyevsky kredi al la homoj kaj ami ilin. Li estis lojala admiranto de Pushkin. La fama rakonto de Gogol «La Palto», kiel li mencias en sia unua libro, afliktigis lin pro la mizera sorto de la malriĉulo. Li estis forte influita de la rusa kritikisto Belinski, kiu skribis: «Homo estas naskita por bono kaj ne por la malbono, ne por la krimo, sed por la sobra, legitima ĝuo de la mond-benoj. Liaj celoj estas justaj, liaj instinktoj estas noblaj. Malbono ne ekzistas en la homo, sed en la socio».

La influo de Belinski estas evidenta en la unua romano de Dostoyevsky: «Malriĉaj Homoj». Liaj karakteroj havas grandan fidon al homoj. Ili suferas, ili montras la naturan homan inklinon al bonoco. Iliaj malĝojaj vivoj kaj manko de eduko ne mortigis iliajn korojn.

Dostoyevsky estis amociita per akra sento de bedaŭro por la malriĉuloj kaj mizeruloj, por tiuj sen rajtoj. Li vekis sanĝiĝon kontraŭ tiuj, kiuj forturniĝis de la malriĉuloj kaj falitaj. La centra ideo de lia romano «Malriĉaj Homoj», kiel esprimite en liaj propraj vortoj estis: «La plej humila el ĉi tiuj estas ankaŭ homo kaj estas nomata mia frato.» Lia membreco ĉe la Petrashevsky organizo de rusaj utopiaj socialistoj estis la logika sekvo de la spirita evoluo en la jaro 1840. Ĉi tio rezultigis lian areston kaj kondamnon al morto, kondamno, kiu estis ŝanĝita poste al pundom-laboro kaj elpelo.

En la postaj jaroj la fiasko de la movado en la 40-aj jaroj donis al li profundan senton de seniluziiĝo. La sufero de la «malatentitaj kaj maldeziritaj», ilia laciga, turmenta serĉo por forkuro de viv-ŝarĝo, restis lia konstanta temo. Sed li ne povis montri la vojon de forkuro, ĉar li perdis sian propran vojon.

Malvenko, izoligo inter krimuloj, manko de kontakto kun la amasoj de la popolo subfosis lian kredon al la revolucia vojo de transformo. Tamen li ne rezignis kaj ne povus rezigni siajn entuziasmigajn junec-songojn pri vereco kaj justeco kaj frateco. Li komprenis, ke la fonto de sufero kaj aflikto kuŝas en socia interrilato. Li malŝatis kapitalismon. Lia koro brulis, kiam li vidis timigitan kunhomon.

En la infero de punlaboro en Siberio, li konservis sian koncepton pri la frateco de homo, pri la valoro de homo. Li klopodis veki kompaton — sed li vekis ankaŭ koleron. Tiuj, kiujn li vekigis, respondis al lia morala kondamno de la malbonoj de nuntempa socio per levo de la batalstandardo. La plej bona romano de Dostoyevsky «Krimo kai Puno», transprenis grandan socian signifon. La ĉefa karaktero, Rodion Raskolnikov, batalas kun sia ĉirkaŭaĵo, la kapitalista urbo. Senigita de la kontakto kun la popolamasoj, kiuj penas por la radikala transformo de la mondo, kaj malproksima de la progresa, socia kaj politika tendenc-pensadoj, li rifuĝas al la plej aĉa, plej deformita batalmetodo. Li mortigas maljunan virinon, mon-pruntantinon, pensante uzi la monon por la financa sanigo de si mem kaj de sia familio. Ĉu li deziris aŭ ne deziris fari tiel, Dostoyevsky montris en ĉi tiu rakonto, ke nenatura, kripligita sistemo kovas deformigojn, krimojn de tia speco, kiujn faras liaj karakteroj. Progresemaj kritikistoj klarigis, ke protesto de Raskolnikov havas nenion komunan kun la prudenta, politika kaj socia protestoj; ke la ulceroj de antagonisma sistemo povas esti kuracataj nur per socialismo; kaj se Raskolnikov kunligus sian proteston kun tiu de la amaso, kiu serĉis emancipon en politika batalo, li estus trovinta elvojon.

En «La Idioto» Dostoyevsky montras la kolizion inter perfekta tipo, unu, kiu atingis perfektan moralan kaj spiritan ekvilibron kun la malbono kaj falseco de la mondo. Myshkin serĉas korekti la nesufiĉecon de realeco kaj denove eduki la homon, unuunure per rezigno, mildeco kaj ne-rezisto al malbono per forto.

Sed Dostoyevsky kiel artisto de sincereco, estis devigita malkaŝi la veron, ke la malbono en la mondo ne cedas antaŭ senpotenca predikado. Myshkin ne sukcesis subigi la konfuzon de la vivo, kun siaj sociaj falsecoj, malvirtoj kaj krimoj. Liaj metodoj pruviĝis senefikaj. Li maltrafis la celon, ŝanĝinte nenion. La sentimentala rakonto de Dostoyevsky povas konduti nur al unu konkludo — ke la malnova mondo povas esti transformota per batalo, kaj ne per humileco kaj rezigno.

En sia lasta romano «La Fratoj Karamazov», skribita mallonge antaŭ lia morto Dostoyevsky decidiĝis resumi la rezulton de siaj serĉadoj. Sed li ne sukcesis akordigi la militantajn elementojn en sia vivfilozofio. Li ŝatus konstrui la principon de rezigno, sed liaj priskriboj de subpremo kaj krueleco sonas kiel rekta invito al rezisto kaj ribelo. Ne estas eble akordiĝi kun la sufero, la sango kaj larmoj, kiuj «satigas la tutan teron de ĝia krusto ĝis al

ĝia vera centro», ne estas eble akordiĝi kun tiaj maljustaĵoj. La ordo de la aferoj sur la tero devas esti ŝanĝota.

Dostoyevsky penetris pli profunden ol iu alia verkisto en la internan mondon de la spirito. En ĉi tiu sfero verkistoj de ĉiuj nacioj estis liaj disĉiploj. Li estis majstro en tekso de agadoj. Fakte, kiel artisto li estas sur la nivelo kun Shakespeare kaj Balzac.

Sed eĉ lia malofta genio ne povis savi lin, kiam li agis kontraŭ la leĝoj de la vero. En «La Frenezuloj» ekzemple, li prezentas revoluciulojn kaj socialistojn en deformita lumo. La rezulto estas karikaturo, grupo de inventitaj karakteroj movantaj en vakuo. Gorky, severe kritikis ĉi tiun romanon. Depost tiam la posteularo juĝis pri Dostoyevsky. Li ankaŭ ne estis interpretisto de «la rusa animo», kiel oni tiel ofte asertis pri li.

Sed ĝis la hodiaŭa tago ni legas liajn librojn kun la plej granda simpatio kaj emocio, pro lia peto por la mildigo de homa suferado. *D-ro A. Mildwurf*

---

*JEAN RICHAD BLOCH.* La 19-an de Marto oni enterigis en Parizo la verkiston Jean Richard Bloch, kiu estis luktanta socialisto kaj humanisto en la Gorkij-a senco.

Li vivis 63 jarojn. Lia familio devenis el Alsaco. Li mem estas franca ĝisoste, laŭ temperamento, kulturo, vivo-stilo. Lia evoluo estas rektlinia: la vojo de la progresema franca intelektularo en la unua duono de la XX. jarcento ekde la tolstojana «turniĝo al popolo» ĝis la konscia kaj aktiva komunismo.

La verkadon Bloch sentis laboro de konsciiĝo kaj konsciigo. En ĉiu sia skribaĵo li igas ion klara por si mem kaj por siaj legantoj. Per tio li surprenas sindevigon kaj volas tian surprenigi ankaŭ per aliaj. Tial en ĉiu lia verko, same en liaj dramoj kaj romanoj, kiel en liaj artikoloj, eseoj kaj paroladoj troviĝas io didakta. La t. n. «senpartiecon» li sentis malkuraĝo, la arton por arto senmoraleco, la «puran» arton mensogo. Por Bloch la verkado estis batalo, batalo por la popolo, por la libero, por pli altranga homaro, kiun laŭ lia konvinkiĝo produktos la socialismo.

Laŭ li la verkisto havas nur du eblojn: aŭ partopreni en la lukto de la popolo, aŭ aliĝi al ties malamikoj. Ĉi lastan li faras ankaŭ tiam, se li opinias, ke li povas eviti la batalon, ke li povas «leviĝi» super la amasojn skuiĝantajn de historiaj klopodoj kaj esti «objektiva» observanto de la batalo. Bloch ree kaj ree primontris la esencon de tia «superemo», tion, ke la verkisto, kiu sin apartigas de la realo, servas per sia arto la reakcion. La vere objektiva estis li, Jean Richard Bloch, kiu identigis sin kun la amasoj, kiu merĝiĝis en la vivo, kiu estis pasia partoprenanto de la batalo kaj povis diri nur ties pravon.

Pro ĉio ĉi Bloch estis atakata. Unuj diris, ke en la servo de politikaj celoj li malzorgas la veran arton. Aliaj, ke li vendis sian arton kaj iĝis soldulo de la laborista movado. Sed antaŭ la okuloj de Bloch staris Romain Rolland, Anatole France, Barbusse kaj Gorkij. Kaj li sciis, ke apud ili li estas en «bona societo».

Kiel Rolland kaj Barbusse, ankaŭ Bloch estis pasia adepto de la Sovjetunio, en kiu li vidis la realiĝon de la plej belaj songoj de la homaro. Kiel en Rolland kaj Barbusse, ankaŭ en li ardis neestingebla malamo kontraŭ la faŝismo kaj la imperialista milito. Post la liberiĝo de Francujo li estis la unua verkisto, kiu surscenejigis la heroismon de la rezisto: la tragedian flot-memortigon de la Toulon-aj maristoj.

Bloch estis konata, honorata kaj amata ankaŭ trans la limoj de Francujo: en la Sovjetunio, en la Balkanaj landoj, en Polujo, en la respublika Hispanujo, por kies defendo li verkis la «Espagne». Antaŭnelonge li ankoraŭ partoprenis en la kongreso de la jugoslavaj verkistoj, kiuj frate akceptis la fidelan francan antifaŝiston.

Ekde la liberiĝo Bloch kun speciala sindono partoprenis en la bataloj de la franca publika vivo. Li bone vidis, ke la kvarjara nacista okupo ne pasis senpostsigne de-super la lando, kaj ke la purigo, demokratigo kaj mobilizo de la franca publika opinio estas unu el la plej gravaj taskoj de la franca rekonstruo. Ĉi tiun taskon priservis Bloch kiel la direktoro de la ĵurnalo «Ce soir», kiel publicisto kaj amas-oratoro. Liajn artikolojn kaj paroladojn trais la sama fajro, el kiu naskiĝis liaj rakontoj, dramoj kaj romanoj. La sugesta forto de la «Obeditoj» pulsis en li.

La verkista atento de J. R. Bloch etendiĝis al ĉiu momanto de la socia okazado. Tiel li volis formi sian vivo-verkon, kiel tion Gorkij difinis por la verkisto en unu el siaj paroladoj:

«Ne nur du realojn ni devas koni — diris Gorkij — la paseon kaj la nuntempon, en kies formado ni partoprenas, sed krome ankaŭ la trian: la realon de la futuro. Ankaŭ ĉi tiun trian realaĵon ni devas ampleksi jam nun; sen ĝi ne ekzistas socialista realismo.»

Antaŭ Bloch staris ĉiam pli pure la tria realaĵo, la futuro de la homaro; ties vizio akrigis sian vidon pri la problemoj de la nuntempo kaj donis al li forton por la luktoj. *I. R.*

---

*LITERATURA MONDO* per ĉi tiu numero finas sian duonjaron de la tria periodo. Ni esperas, ke niaj abonantoj estas kontentaj pri la revuo.

Dum nia duonjaro ni retrovis multajn malnovajn amikojn kaj ni ĝoje registris multajn novajn subtenantojn. Malgraŭ tio ni devas konfesi, ke la nombro de abonantoj ĝisnunaj ne sufiĉas por kovri la krudajn preskostojn. Ni havas neniun ŝtatan aŭ personan subvencion. Niaj financoj baziĝas nur je la abonpagoj de niaj legantoj. Ni scias, ke dum paso de nelonga tempo ni renkontos ĉiam novajn subtenantojn, kiuj nur iom post iom sciiĝas pri la reapero de *Literatura Mondo*. Ni petas niajn legantojn, bonvole helpu al ni en tiu laboro kaj rekomendu, propagandu kaj disvastigu inter viaj amikoj kaj konatuloj nian revuon.

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AFRIKO:* Afrika Revuo, Maroko, *Casablanca*, 5 rue Savorgnan de Brazza.
*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury*, N. S. W. 653 Jones Street.
*AUSTRIO:* Librovendejo »Tramondo«, *Wien*, I., Neutorgasse 9.
*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel—West*, Pieter van Humbeckstr. 3.
Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, 127 Lange Leemstraat.
*BRITUJO:* Internacia Esperanto Ligo, *Heronsgate*, Rickmansworth.
*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Graf Ignatiev 2.
*ĈEĤOSLOVAKIO:* »Revuo Esperantista«, *Praha*, Uralské Nám 9.
*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.
*FINNLANDO:* Joel Vilkki, *Somero*.
*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e. 34 rue Chabrol.
*HUNGARIO:* Bleier Béla, *Budapest*, VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto n-ro 4014.
*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.
*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1.
*NEDERLANDO:* A. C. van Ingen, *Rotterdam*, W. Buytewechstr. 128 c.
*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.
*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, 11 Listopada 22. T. O. Z.
*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico-Lisboa*, Grao Vasco 33, r/c.
*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti*, Casale Postale 9.
*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19, Fack 19.071.
*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *Newyork* 11, 114 West 16 th Street.

# Riceveblaj malnovaj numeroj de Literatura Mondo

STATO 1 APRILO 1947

| | | |
|---|---|---|
| 1922. | Nroj: | 2, 3 |
| 1923. | „ | 1, 3, 5 |
| 1926. | „ | 1 |
| 1931. | „ | 8, 9, 10 |
| 1932. | „ | 3, 5, 7-8, 9, 10 |
| 1933. | „ | 2-3, 4, 5, 6, 7, 8, 9, 10, 11, 12 |
| 1934. | „ | 1, 2, 3, 4, 5, 6, 7, 8, 9 |
| 1935. | „ | 1, 2, 3, 4, 5, 6, 7-8, 10 |
| 1936. | „ | 2, 3, 4, 5, 6, 7 |
| 1937. | „ | 1, 2, 3, 5, 6 |
| 1938. | „ | 1, 2 |

*Prezo por ekzemplero 0·25 USA dol. Duobla numero duobla prezo*






Felelős szerkesztő és kiadó: Berceli (Bleier) Béla. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — Nyomdavezető: Urbán Gyula